# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, I
GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**

**Esperantismo :**



**Literaturo :**



**Diversaĵoj :**



**XXIX-a Jaro N° 393/4**

**MAJO/JUNIO 1933**

## La valoro de sperto

Ne la teoria ideo pri helpa mondlingvo estas interesa. Pri ĝi kaj ankaŭ pri senarmigo jam de generacioj oni klaĉas. Centoj da proponoj por internacia lingvo jam estis konstruitaj kaj ne sukcesis. Kio gravas, tio estas la sperto kaj la reala fakto de Esperanto funkcianta.

Tiu sperto prezentas du ĉefajn aspektojn, unu lingvan kaj unu moralan.

Lingva organismo disvolviĝis kaj firmiĝis kun ĉiam pli granda unueco parola kaj stila sub premo de l'bezonoj de la vivo. Nenio povas forigi la fakton, ke tra la tuta mondo uziĝas kaj lerniĝas unu helplingvo flanke de la grandaj kulturlingvoj. En ĝi diskutas kongresoj, interparolas vojaĝantoj, interkorespondas homoj, presiĝas gazetoj kaj aperas kreskanta literaturo, ~~meze~~ meznombre tri aŭ kvar novaj libroj ĉiusemajne.

Kiu ankoraŭ nun naive demandus ĉu Franco kaj Polo aŭ Hispano kaj Germano povos kompreni sin en Esperanto, tiu riskus ekridon en societo, kvazaŭ se li demandus ĉu oni povos flugi. La publiko vidis aeroplanojn kaj aŭdis esperanto-paroladojn per radio.

Kiuj iom pli profunde esploris la fakton kaj studis mem Esperanton, tiuj konas aliajn detalojn de la sperto, nome ke la lingvo devis progresi kaj riĉiĝi pro trudo de la vivo kaj ĉiutagaj necesaĵoj. Kiam ĝi komencis servi al scienculoj, artistoj aŭ pensuloj, tiam ĝi devis adapti sin kaj ĉerpi el propraj rimedoj kaj el ekstera materialo ĉion bezonatan por esprimi eĉ delikatajn nuancojn. Iom post iom ĝi sin altigis al nivelo de kulturlingvo kun duoncentjara sperto kaj evolua riĉigado. Tamen ne malsimpliĝis ĝia fundamenta vortformo kaj gramatika sistemo. Nur plivastiĝis la lingva kapitalo.

La dua aspekto de la sperto, la morala aŭ psikologia, estas ne malpli grava. Neniu lingvo progresas kaj disvastiĝas se ĝi ne fariĝis organo de iu ĉefa sento. Naciaj lingvoj ĝenerale kunigas homojn de sama kulturo. Malfacile oni decidas, ĉu ili estas efiko aŭ kaŭzo de ekzistanta popolo. Araba lingvo eĉ kunigas la vastan islaman mondon.

Nedubeble Esperanto kaptis kaj esprimis la ĝeneralan sopiron de bonvolaj homoj al interpopola amikiĝo kaj la kreskantan senton pri homara solidareco. Tamen ĝi tion faris sub formo pli federala ol centriga.

En la nova lingvo la diversaj nacioj, antaŭ ĉio la pli malgrandaj, tradukigis siajn plej valorajn literaturaĵojn kaj diskonigis iom pri sia folkloro.

Esperantismo diversas de ceteraj « internaciaj » sentoj. Ekzemple la laborista devenis de komuna klasbatalo. La esperantista ondo pli konsistas el amo kaj scivolemo pri nacia vivo de ceteraj nacioj, ĉefe de la malgrandaj. Ĝi esprimas plezuron ilin ekkoni kaj ĝojon ankaŭ malkovrigi al ili la trezorojn de sia propra lando.

El tio venas ia speco de kontenta amikeco kaj fidanta toleremo, tiom klare observebla en internaciaj kunvenoj en Esperanto. Ambaŭ flankoj de la sperto entenas egalan valoron por la homaro. Ili restu nedisigeblaj !

*Edmond Privat.*

**Atentu la gravan telegramon sur paĝo 101.**

# Esperantismo

## Decidoj pri Reorganizo

Esperanto-Asocio
de Estonio.
—
Tallin

Tallin, la 28.IV.1933.

Estimataj gesamideanoj,

Ke la koncerna decido de la Pariza kongreso ne sukcesis solvi la demandon pri la reorganizo de la Esperanto-movado, tion pruvas la multnombraj disputoj en la Esp. gazetaro kaj la plej diverskarakteraj leteroj, dissendataj jen de unu, jen de alia Esp. organizajo aŭ Esp. aganto. Siaflanke ankaŭ la estonaj Esperantistoj diskutis pri tiu ĉi demando dum sia tutlanda kunveno kaj rezulte akceptis jenan rezolucion :

Konsiderante, ke la nuna projekto pri organizo de la internacia Esperanto-movado en UFE ne estas akceptebla por ĉiuj naciaj societoj; ke precipe la alta kotizo malebligas al la malbonvalutaj landoj partopreni al la Esperanto-organizajo; ke estas dezirinde organizi laŭeble ĉiujn Esperantistojn en la tuta mondo; ke forigo de UEA, pruvinta sian praktikan utilecon, povus havi nedezirindajn sekvojn por nia movado la ĝenerala kunveno de Esperanto-Asocio de Estonio decidas la 16-an de Aprilo 1933 :

a) aliĝi nek al la novorganizita UFE, nek al la nuna UEA;

b) opinii la fondon de UFE superflua, rekomendante reorganizi la internacian Esperanto-movadon sur la bazo de UEA, farante en ĝia statuto ŝanĝojn, ebligantajn akcepto de la Naciaj Societoj en ĝian membraron;

c) proponi siaflanke jenajn principojn por la nova UEA :

1. UEA celas organizi en si laŭeble la tutan Esperantistaron;
2. Ĝia membraro konsistas el : a) naciaj societoj, b) izolaj Esperantistoj.
3. Ĉiu kiu aliĝas al la nacia societo, pagas samtempe kun sia kotizo al la nacia societo ankaŭ la kotizon al la internacia Esp. organizajo; esceptoj estas farataj nur en konsiderindaj okazoj;
4. La membroj, aliĝintaj pere de la naciaj societoj, dividiĝas je 4 kategorioj, jene :
   - A. pagas kotizon, egalantan al 1/10 de la nuna UEA-kotizo por simplaj membroj, kaj ricevas servokuponojn;
   - B. pagas kotizon, egalantan al la nuna kotizo de M de UEA, kaj ricevas jarlibron kaj servokuponojn;
   - C. pagas kotizon, egalantan al la nuna kotizo de MA de UEA, kaj ricevas jarlibron, servokuponojn, gazeton;
   - Ĉ. pagas kotizon, egalantan al la nuna kotizo de MS de UEA, kaj ricevas samon kiel kategorio C.
5. Izolaj Esperantistoj, t.e. personoj, ne apartenantaj al iu nacia societo, povas aliĝi al UEA senpere, pagante la kotizon de la kategorioj B, C, Ĉ, pialtigitan je 25%.
6. La naciaj societoj havas voĉrajton konforme al la nombro de la pagintaj membroj, sen konsidero de ilia kategorio. Izolaj Esperantistoj voĉrajton ne havas.
   informi pri sia decido al UEA, ICK, la naciaj societoj kaj la redakcio de « Heroldo de Esperanto »; proponi al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto en Köln prezenti novan projekton de reorganizo por pridiskuto al la naciaj societoj, kiuj akceptu ĝin dum sia sekvonta jarkunveno, resp. kongreso.

Laŭ ni la nova tutmonda organizajo devus antaŭ ĉio kontentigi du postulojn : *a*) ĉiuj Esperantistoj povu aliĝi al ĝi kaj *b*) kapablu vere gvidi la Esp. movadon laŭ tutlanda skalo.

Informante vin pri tiu ĉi decido, ni esprimas la deziron, ke vi komuniku al ni vian rilaton al la supra projekto.

Je la nomo de Esperanto-Asocio de Estonio

V. Vaher, *prezidanto*. H. Dresen, *sekretariino*.

## Nederlanda Esperantista Societo
## La Estonto Estas Nia

La Nederlanda Societo dum sia jara kunveno en Utrecht, pasko 1933 diskutis ankaŭ la aliĝon al la Universala Federacio Esperantista. Ne ricevinte pretan tekston, ni ĉerpas la informon el Nederlanda Esperantisto, n-ro 9, paĝo 146, sendita afable de amiko.

**Punkto 11 : Internacia Organizo**

S-ro Baas (Prez. de la LEEN) diras, ke oni diversflanke riproĉis la ĉefestraron, kvankam ĝi nenion *faris* sed nur *proponis*. Ĉu ĝi ne havas la saman rajton kiel la sekcioj? ICK petis respondon antaŭ la 10-a de Decembro. Sed ni skribis, ke ni lasos la decidon al vi.

Laŭ statuto kaj regularo la ĝenerala gvidado estas komisiita al ni. Do, devo nia estas montri al vi laŭ ni plej bonan vojon. Tial la ĉefestraro atendis laŭdon, ne riproĉon. La sekcioj ne rajtas diri ni rifuzas ĉiun kunlaboron kun UFE, ĉar finfine oni devas sin submeti al komuna decido. S-ro Baas detale rakontas la historion pri ĉi tiu temo dum la lastaj jaroj. *Ni neniel kaj neniam atakis UEA*. Li konstatas : mankon de bona volo flanke de UEA. UEA prezentas nenion. Principe ni volas akcepti la UFE statuton. Ni deziras plibonigon. Nura taŭga maniero por akiri la plenumon de niaj deziroj estas : ĉeesti la priparoladojn en Kolonjo. Nur tie ni havos la bonan okazon prezenti nian volon :

1. Aliĝo de individuaj membroj 2. Aliĝo de fakaj societoj
3. Organizo de simpatiantoj, neaktivaj membroj.

* * *

S-ro Kunnen, Dordrecht, diras, ke estas rimarkinde, ke kelkaj faras kvazaŭ ĉiuj sopiras al reorganizo, eĉ tiuj, kiuj nenion scias pri la afero. *La tuta reorganizo fariĝis nur batalo kontraŭ UEA*. La redakcio de Nederlanda Esperantisto estas sub influo de Teo Jung. Ĉiam preskaŭ nur la francoj volas reorganizon. Oni eĉ preskaŭ ne atentis la publikan leteron de Julio Baghy rilate al tiu ĉi afero. La ĉefestraro de L.E.E.N. unuflanke informis la membrojn. La prezidanto diris, ke la aferoj en Parizo okazis laŭregulare. Tio tute ne estas vera. Tiuj aferoj devas esti antaŭe priparolataj en kunvenoj de la Naciaj Societoj. Tio ne okazis. UEA je sia nuna bazo estas la plej bona propagando por Esperanto.

S-ro Isbrücker diras : Mi havas la rajton paroli tie-ĉi, ĉar mi ĉeestis preskaŭ ĉiujn kunvenojn de la K.R. Li raportis pri la okazintajoj en la kunvenoj de la K.R. kie ankaŭ S-ro Holleman ĉeestis. *La tuta afero en Parizo nur celis peregi UEA*, ankaŭ pro personaj motivoj. UEA havu la eblon decidi pri sia propra sorto.

S-ro Baas proponas, ke la aliaj anoncintoj ne plu parolu pri tiu ĉi temo, tiam li ankaŭ ne respondos. Oni konsentas.

Li igas voĉdoni pri punkto 11-a. Kun 17 kontraŭ 37 kaj 4 blankaj oni malakceptis la estraran proponon.

S-ro Baas demandas, ĉu la propono de la sekcio den Haag (11 b) nun ankoraŭ validas? Ĉu ni forlasu la parton pri la Nacia Aŭstria Societo? Tiu afero estas tro malsimpla. S-ro Isbrücker estas favora al la propono Jung, ankaŭ la ĉefestraro. S-ino Isbrücker konsilas atendi la rezultaton de la kunvenoj de UEA kaj UFE kiuj baldaŭ okazos. Oni konsentas.

* * *

Klarigo : La estraro de LEEN akceptis la statuton de UFE laŭ la komuniko de ICK. Sed temis nur pri rekomendo de la estraro al la lokaj sekcioj, akcepti la statuton.

La propono tekstis :

« *La ĉefestraro proponas principe akcepti la statuton pri la nova internacia organizo, kiel ĝi estas projektita de la komisiono Dubois, kaj petas de la jarkunveno la komision, fari la necesajn paŝojn por plenumi la konsekvencojn* ».

# Oficialaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto

---

*El kelkpaĝa teksto sendita de la Oficejo de ICK ni ekstraktas jenan ĝojigan sciigon. Pro manko de spaco kaj jama pretiĝo de la nuna numero ni ne povis represi la tutan tekston.*

---

Unu el la celoj de nia movado estas la uzado de Esperanto ĉe la poŝto kaj telegrafo. Neimageblajn eblecojn de praktika utilo troviĝas en tiu ĉi fako. Modestan komencon de tia uzado faris kelkaj landoj : La Unio de Sovjetaj Respublikoj, kiuj eldonis poŝtmarkojn kun esp. teksto, poŝtkartojn kun surpresita plurlingva teksto kaj Esperanto. La dua administracio estis Danzig, kiu eldonis serion de poŝtkartoj kun esp. klarigo. Poste sekvis Lichtenstein, landeto inter Aŭstrio kaj Svislando. Tiu ĉi eldonis jam du seriojn malsamajn, verajn artaĵojn. Estas do la ordinaraj poŝtkartoj aĉeteblaj en la poŝto, sen plia alpago. Kiel oni nun kutimas, la poŝtkartoj servas samtempe al la turisma propagando por la koncerna landa, procedo tute taŭga.

Tiun ĉi fakon prilaboras la Internacia Centra Komitato resp. ties direktoro, Rob. Kreuz. Aliĝis nun al la serio de landoj, Hungarlando, kio rilate amplekson de l' lando signifas supreniron, kio esperigas, ke sinsekve pli gravaj landoj imitos la ekzemplon. El la informo de ICK ni ĉerpas, ke jam en 1931 komencis la provoj atingi ion. Fine laŭ sciigo de la Ĝenerala Direkcio de la Poŝto kaj Telegrafo Hungara la propono estis akceptita. Temas pri unu serio de 16 poŝtkartoj kun vidaĵoj de:

Abatejo de Pannonhalma; Budapesto : Statuo de S-ta Stefano, Ruinoj de fortikaĵo Drégely, Danubo kun Visegrad, Reĝa gvardio, Katedralo de Eger, Parokejo de Pécs; Budapest : Lago de Urba arbareto kaj Miljar-monumento; Széged, urboparto; Banstacio Lillafüred; Abatejo de Tihany; Urboparto de Budapest; Gödöllö, reĝa kastelo; Pejzaĝo de la Puszta, la hungara ebenaĵo; Gödöllö, Premontrea gimnazio; Sarospatak, panoramo.

La kartoj estas uzeblaj en komunikado kun Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Rumanujo, Vatikan-ŝtato, Germanujo, Polujo kaj Italujo. Ili estas aĉeteblaj ĉe ĉiuj giĉetoj de la hungara poŝto.

---

Necesas sekurigi la sukceson. Estas pli facile akiri sukceson, ol konservadi ĝin. Ni devas atingi, ke la nuna eldono fariĝu konstanta aplikado en la vasta sfero de la poŝto. Pro tio grava tasko estas antaŭ ni : pruvi al la hungara poŝto, ke la enkonduko de Esperanto alportas veran utilon. Tio povas okazi per kolekto de pruva dokumentaro. La ICK pro tio organizos vastan special-propagandon, pri kiu detalaj informoj sekvos.

---

*Ĉi tiu artikolo estas nur rerigarda kronologia resumo, ne destinita por publika propagando. Ĉiuj, kiuj tamen publikigos la fakton pri la eldono de la poŝtkartoj, estas insiste petataj, nepre sendi 2 titolpaĝojn de la koncerna gazeto kaj 2 ekzemplerojn de la artikolo (signota por kono) al la ICK laŭ adreso: Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 11 Rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando). Por ĉiu gazeto kvitanco estas sendata sur of. poŝtkarto de Hungarujo.*




La kolektata materialo estos submetata al la hungara registaro kaj la poŝta direkcio.

Seriozaj propagandistoj, plenumu vian taskon ! !

# Pri la 25-a Kongreso

*La okazintaĵoj en Germanujo, la informoj sin kontraŭdirantaj, la rapideco de ŝanĝoj, la kutimaj trograndigoj, erarigoj k.t.p., konfuzis la eksterlandon. La Centra Oficejo de UEA ricevis jam plurajn demandojn pri la kongreso. Ĝi konigis tiujn demandojn al la komisiona kunveno dum Pasko. La komisiono decidis atendi ankoraŭ ĝis plia klariĝo. La Loka Kongresa Komitato ĝis nun ne povis informi precize pri la sinteno de la aŭtoritatoj al nia kongreso. La Prezidanto de UEA informiĝis kaj petis precizajn respondojn pri aro da demandoj. La koncernan leteron kaj la respondon ni publikigas tie-ĉi :*

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
1, *Tour de l'Ile, Genève*

Bern, 13-an de Majo 1933.

Al la Loka Komitato de la
XXV-a Universala Kongreso,
*Köln.*

Tre estimataj samideanoj,

Nia Asocio kutimas okazigi ĉiujaran kongreson de UEA kies lokon, tempon kaj kondiĉojn fiksas la Komitato. Kun unu sola escepto niaj kongresoj ĉiam okazis samloke kiel la Universalaj, kaj dum la funkciado de la Kontrakto de Helsinki, speciala decido de nia komitato estis neplu necesa.

Pro la disŝiro de tiu ĉi kontrakto en Parizo kaj la sekvanta malordo, UEA reprenis la liberecon de sia agado kaj devos denove decidi speciale kie ĝi volos kongresi. Faronte baldaŭ raporton al nia Komitato pri tiu grava problemo, mi deziras skizi la situacion plej klare kaj korekte, do estus dankema al vi por rapida respondo al la sekvantaj demandoj.

Vi scias ke certaj paroloj kaj agoj de la nova germana registaro faris malbonan impreson en eksterlando. Mi ne aludas eblajn pligrandigojn aŭ mensogojn publikigitajn, sed faktojn kiel la bojkoto de la izraelidaj komercistoj, la forigo de izraelidoj el sia profesio kaj el publikaj oficoj, la malliberigo de politikaj kontraŭuloj, la preskaŭ plena malpermeso de publika kritiko, la oficialigo de la blazonŝildo de politika partio k.t.p. Aliflanke estu konsiderata, ke la interna politiko de kongreslando estas sia propra afero, ke Germanujo estis en escepte malfacila situacio kiu eble necesigis drakonajn rimedojn provizorajn kaj ĉefe, ke vi Kolonjaj Esperantistoj ne estas kulpaj pro la nunaj cirkonstancoj. Vi penadis aranĝi la kongreson eble plej perfekte, faris verŝajne jam gravajn elspezojn, do la neniigo de viaj klopodoj per ebla malmendo estus doloriga mortbato al vi.

Al antaŭa demando de nia vic-prezidanto S-ro Johannes Karsch ni ricevis de la Germana Esperanto-Asocio la jenan respondon : « *La sekureco de la kongresontoj en Köln estas laŭ nia opinio neniel endanĝerigata. Ni ne opinias eble, okupi per tiu ĉi afero la germanan registaron. Kompetenta estas la polico en Köln, kiun LKK taŭgatempe — se necese — certe atentigos pri la situacio* ».

Tiu informo ne forigas niajn zorgojn, ĉar ili malpli koncernas la polican bonordon en Köln ol la liberecon de partopreno, de agado kaj parolado. Flanke de Esperantistoj kiuj pro principo ne volas vojaĝi al Germanujo restas granda nombro ŝancela, kiu demandas sin ĉu ili trovos, kiel gastoj kaj kiel reprezentantoj de certa ideo, la same afablan akcepton, la saman eblecon krei esperantistan atmosferon kiel en antaŭaj kongresurboj. Por multaj samideanoj la partopreno de kongreso estas ofero. Despli ili rajtas atendi, ke la Esperanta semajno estu vere esperantista, do okazo renkontiĝi laŭ bontrovo, montri la stelon, paroli pri nia idealo de homaro pace interkompreniĝanta sen diferencigo laŭ lingvo, raso aŭ religio, beni la memoron de Zamenhof, la izraelido kaj trovi por tiuj sentoj iom da simpatio ĉe la estraro kaj la loĝantoj de la kongresurbo.

Pri la ebleco kunveni tute sekure en salonaro police protektata, pri ĝi ni ne dubas. Sed tiaspecaj kunvenoj, sen entuziasmo, sen resonado en niaj koroj, sen propaganda ebleco kaj efiko — ili ne estus kongreso —. Se vere la cirkonstancoj en Germanujo estas tiaj, kiel oni devas timi laŭ la gazetinformoj kaj radioparoladoj, tiam estus preferinde por la eksterlandanoj kiel por la Esperanto-ideo en via lando prokrasti la kongreson ĝis tempo pli favora.

Mi do demandas vin tute sincere, ĉu vi estas konvinkitaj ke la kongreso povos okazi kiel la antaŭaj en plena libereco, sen polica kontrolo aŭ neceso de polica protekto ? Ĉu ni povos paroli pri niaj temoj laŭ bontrovo, vojaĝi kaj promeni kun insignoj kaj flagoj, ne riskante malagrablaĵojn ? Ĉu la pasportaj reguloj estas proksimume kiel antaŭe, aŭ ĉu oni diferencigas nuntempe laŭ raso aŭ kredo kaj faris esceptajn kondiĉojn por izraelidoj, organizitaj laboristoj k.t.p.? Ĉu por restado en Köln ekzistas speciala kontrolo kaj kia ? Ĉu la urba estraro oficiale invitas nin, kaj aprobas, aŭ almenaŭ rekonas la valoron de niaj celadoj ? Ĉu entute, ni estos bonvenataj kiel Esperantistoj, aŭ tolerataj kiel pagantaj turistoj ?

Ĉar mi devas plej baldaŭ raporti al nia komitato, mi estus dankema por rapida kaj plena respondo. Multaj samideanoj jam fariĝis tre maltrankvilaj pro la situacio, tial mi publikigos verŝajne tiun ĉi leteron kaj vian respondon en *Esperanto*, por ke la malcertaj laŭdiroj estu forigitaj per klarigo de via estraro.

Kun samideanaj salutoj.

Ed. STETTLER, *Prezidanto de UEA*.

# Respondo de la L.K.K.

25a Universala Kongreso
de Esperanto Köln 1933
Köln, Trajanstrasse 25

Via let. 13. 5.

Kolonjo, 16. 5. 33.

S-o Ed. Stettler,
Prezidanto de UEA
Bern, Bundesgasse 16

Tre estimata Samideano,

ni konfirmas la ricevon de via rekomendita letero de la 13-a de majo. Ni sendos al vi nian respondon kiel eble plej baldaŭ. Intertempe ni salutas vin
plej samideane kaj sindone

L. K. K. por la 25-a U. K.
W. Wingen, sekr.

# Noto de la redakcio

Intertempe la situacio grade malstreĉiĝis kaj estas nenia dubo, ke la kongreso okazos. Kiel ni sciiĝis la L. K. K. faras la necesajn esprorojn rilate je la demandoj faritaj en la letero de la prezidanto de UEA. Ne povante plu prokrastigi la preson de la nuna numero, ni informos la esperantistaron pri ĉio necesa en la Julia numero, elironta sufiĉe frue.




# Tra la gazetaro

« *Heroldo de Esperanto* », nº 17, 30 Aprilo 1933 :

La Universala Federacio Esperantista, formita de Brita Esperantista Asocio, Brazila Esperanto-Ligo, Centra Dana Esperanto-Ligo, Franca Societo por la prop. de Esperanto, Hispana Esperanto-Asocio, Itala Federacio Esperantista, Japana Esperanto-Instituto (landa organizo), Kataluna Esperantista Federacio, Litova Esperanto-Asocio, Saar-teritoria Esperanto-Ligo kaj Sveda Esperanto-Federacio kunvokas

*Konferencon de la membroj-societoj de UFE por la 19-21-a de majo 1933 al Genevo.*

La konferenco pritraktos aron da internaj detaloj pri la funkciado de nia federacio. Rilate la organizan situacion de la Esperanto-movado ĝi ankaŭ okupos sin pri proponoj koncerne la perfektigon de la UFE-statuto, kiuj i.a. faciligos partoprenon de UEA, kaj de la faksocietoj en UFE, se ili tian deziras.

Kun la celo faciligi la decidojn en la 25-a Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo, okazos priparolo de la organiza situacio en komuna kunsido, al kiu estas invititaj ĉiuj naciaj societoj, reprezentitaj en la ĝisnuna KR, kaj la estraro de UEA.

*
* *

En la sama gazeto ni legas sub Leterkesto : *N.R. en T., kelkaj nederlandaj kaj alilandaj (finna, franca, sveda) samideanoj.*

Ni konstatis nur faktojn; ni nenie skribis ke ni aprobas la kontraŭjudan agadon, sed kompreneble ni ankaŭ ne povas aprobi ... incitadon kontraŭ Germanujo aŭ kontraŭ alia lando. Ni ankaŭ esperas, ke la arestitaj marksistoj post iom da tempo estos liberigataj. Niajn artikolojn pri la situacio en Germanlando ni verkis nur en la intereso de la Jubilea Kongreso. Kongresanoj efektive ne bezonas timi. Signifus malutilon al Esperanto mem, se pro nekompreno de la novaj cirkonstancoj en Germanujo aŭ pro erara esperantisma fanatikeco. netaŭga en tiu ĉi kazo. la samideanoj devigus la LKK'on rezigni la plej brilajn programpunktojn de la kongreso, pro nesufiĉa partopreno. Ankoraŭ estas tempo kaj ebleco aranĝi vere jubilean kongreson; eĉ la ĝisnuna nombro da aliĝintoj (jam pli ol 500) estas en la nuna momento plene kontentiga. Sed se esperantistoj mem prenus la nuntempan situacion en Germanlando kiel pretekston por « saboti » sian propran jubilean kongreson, tio estus nerebonigebla faro, kaj ni ankoraŭ ne riskas imagi, kio povus rezulti el tio. Do montru vin veraj esperantistoj kaj samideanoj! Ne malfaciligu la taskon de la senlace laboranta LKK; eĉ sen tio ĝia tasko ja estas sufiĉe malfacila! Kaj nian redakcion bonvolu ne kulpigi pro aferoj, pri kiuj ne ĝi estas respondeca.

*Hungara Heroldo,* Aprilo 1933 denove pritraktas la organizan problemon en artikolo de D-ro Josefo Takács :

Pri la reorganiza problemo mi jam diris mian sinceran opinion en nia antaŭa numero, eĉ se ĝi ne plaĉis al kelkaj. Nun mi volas doni detalojn el la diversaj gazetoj kaj cirkuleroj, aldonante mian rimarkon.

*Stettler* skribas en decembra numero de « Esperanto » jene : « Ni scias, ke jam en oktobro, do antaŭ ol UEA havis ekzempleron en la mano, oni rekomendis en Britujo al niaj delegitoj eksiĝi favore al la Federacio. La Franca Societo dissendis cirkulerojn, en kiuj ĝi parolas pri « fina batalo » kaj konsilas al siaj membroj prokrasti la kotizpagon al UEA ».

La decido de la komitato de UEA diras : « Ni nek malpacu, nek aranĝu multoble kaj komplike tion, kio jam en simpla kaj taŭga formo havas penon ekzisti. Al plivastigo de sia organiza kadro UEA estas preta. » Nu jes! sed ne tio estas la demando. Kelkaj samideanoj, kiuj ne havis alian ideon, nur tute la samajn, enviis la bonan funkciadon de UEA kaj volas transpreni ĝin. Nur ili ne kalkulis al la solidareco de UEA-anoj kaj tial ili fiaskos.

En februara numero de « The British Esperantist » aperis okpunkta programo por elimini la diferencojn inter UEA kaj UFE. Ĝia oka punkto estas « Oni aranĝos taŭgajn oficojn por la ĝisnuma ICK stabo. » Do, jen estas la kato en la sako. Kelkaj samideanoj disfendis la movadon, ke la stabo de ICK havu oficon. Oni ne serĉas, ĉu estas bezonataj novaj oficoj, sed oni jam antaŭe fiksas, ke oni aranĝos taŭgajn oficojn por ili. Nu karaj samideanoj britaj, tiamaniere tamen oni ne povas agi. La esperantistoj ne estas ŝafoj, kiujn oni povas peli tien kaj reen. Se la nova, pligrandigita UEA bezonos novajn oficistojn, estas memkompreneble, ke oni dungos unue la estintan ICK-stabon, sed tion jam antaŭe fiksi estas stranga agadmetodo.

En sama gazeto ni legas, ke la 8 punktoj naskiĝis el interkonsento de Brita Societo kun H. Jakob. Kaj Jakob rifuzas tion. Oni ne povas klare vidi. La haoso ĉiam pligrandiĝas, pli ĝuste kelkaj volas ĝin pligrandigi.

La Esperanto Asocio de Nordameriko dissendis cirkuleron, en kiu ĝi skribas : « Al alilandaj esperantaj societoj ni konsilas : Ne subskribu al la proponita Federacio (UFE) ». Do ankaŭ Usono flankenstaris.

La Brazila Esperanto Societo aliĝis al UFE.

En « Esperanto » (No. 5.) S-ro *Stettler* faris proponon pri kunlaborado de UEA kaj la naciaj societoj. Ĝi ne postulas grandan oferemon de la naciaj societoj, (12.50. sv. frankoj), tamen prizorgas la bezonojn iliajn. La laborista movado ja ankaŭ ne havis I. C. K.-on, tamen prosperis.

*Rollet de l'Isle* dissendis cirkuleron « pri simpla solvo de la organiza demando » en kiu li riproĉas la proponojn de Stettler kaj tuj li faras proponojn, kiuj estas nur iomete modifitaj de nuna UFE regularo.

Estas fakto, ke centra internacia organizado de nia movado estus dezirinda, sed tiu ĉi organizacio devas havi larĝan kadron kaj ne tro ŝarĝi la naciajn societojn materiale. Por tiu ĉi celo la vojo irota estas pli facile atingebla laŭ la propono de Stettler.

Mi esperas, ke la gvidantoj de UEA kaj UFE trovos baldaŭ la bazon de interkonsento, ĉar se du kverelas, la tria ridas. La esperantistaro bezonas gvidantojn, kiuj ne intermiksas la propran intereson kun tiu de la esperantistaro. Ni do sekvu tiujn, kiuj altruiste laboras!

Sub oficiala parto la sama periodajo informas :

La komitatkunsido de HES la 6-an de dec. decidis : 1. akcepti la proponon de UEA, ke ĝi eldonos propagandfoliojn; 2. donaci por la mizermildiga akcio 20 pengojn; 3. UEA estas petata uzi en la jarlibro ankaŭ la hungaran nomon de hungaraj urboj en la najbaraj ŝtatoj; 4. akcepti sekvantajn novajn anojn : Barta Maria, Hajna Maria, Halka Edit, Kassás Szabó Paŭlo, Kovács Karlo, Révész Aleksandro, Zsidó Adorjano kaj Irena, Zsombory Ella.

La 20-an de jan. : 1. Anstataŭ la fondo de Hungara Esperanto Ligo kun propra regularo estus pli laŭcele, se la delegitoj de la diversaj societoj kvaronjare kunvenus priparoli la komunajn aferojn; 2. doni 40 pengojn por la elspezoj okaze dum la jamboreo en Gödöllö.

La 2-an de marto : 1. peti la ĉefurbon inaŭguri la Széchenyimemortabulon dum la ĝeneralkunsido de HES. Festparolos dro Aŭgusto Benárd; 2. la ĝeneralkunsido okazos la 13-an de majo; 3. oni elektos protektantan komitaton (ĉirkaŭ 30-40 esperantemajn eminentulojn); 4. aranĝi hungaran esperantistan kongreson en Nagymaros somere; 5. rilate la plendon de s-ro R. Kreuz pro la artikolo « Pri la reorganiza problemo », la komitato decidis, ke ĝi vivtenas la antaŭan deziresprimon; en la personajn konfliktojn ĝi ne enmiksiĝas; konservas la liberecon de la redaktoro; tamen petos lin laŭeble eviti personajn atakojn.

---

*The British Esperantist*, n-ro 335, Marto, enhavas la jar-raporton pri la agado de BEA 1932. Kiel ĉie ankaŭ tie oni konstatas la influon de l'ekonomiaj kondiĉoj. Tamen kiel ĉiam la oferemo brita venkis la malfacilajojn. Menciinda tiurilate estas, ke por egaligi la malaltigon de salajroj, nenomitaj samideanoj kontribuis 115£ tiel ke tiu ĉi grava elspezo povis esti reduktita ĝis 550£ (rondcifere).

La elspezoj atingis 1608£, la enspezoj 1134. Rezultas do perdo de 476£ (Laŭ ora valoro 11900 — laŭ papera valoro ĉ. 8000 Frk sv.). La konto pri komerco montras vendon de libroj por 1533£

Malkreskis iom la membraro. Ĝi estis je la fino 1931 : 2042 kaj 1870 je la fino 1932, sekve 172 malpli, t.e. 8%. — Ricevitaj korespondajoj 16086, senditaj 32460 plus 6630 cirkuleroj. Venditaj lernolibroj 13720, vortaroj 1100, ŝlosiloj 6050.

---

*Politika Sociala Revuo*, titoliĝas dika kajero 25 cm. alta 16 cm. larĝa, 80 paĝa. Eldonas ĝin la bone konata eldonejo franca Félix Alcan en Parizo. Redaktas ĝin gvida komitato de S-roj Lavergne, Kern, Collinson, Bastien, Waringhien.

Interesaj artikoloj, bona lingvo, bela preso. Aboninda revuo al kiu ni deziras prosperon. (Abonprezo jara 40 fr. fr., Alcan, 108, Bd. Saint-Germain, Paris-6ᵉ.)

---

*Amerika Esperantisto*, Marto-Aprilo, ĉiam lukse presata, tiel kiel oni kutimas vidi usonan presajon, informas pri propaganda rondvojaĝo de S-ro Joseph R. Scherer en Usono kiel speciala delegito de EANA. Aperas libro pri la mondvojaĝo de tiu-ĉi samideano ĉe EANA, Fort Lee, N.J.

Tiu ĉi nova vojaĝo estas organizata laŭ plej moderna maniero. Projekcia aparato nov-modela kun 1000 Watt, sufiĉa por kunveno de 2000 personoj. Ni memoriĝu ke S-ro Scherer posedas unikan kolekton (15000 bildoj) de fotografajoj faritaj dum sia Mondvojaĝo.

---

*La Suda Stelo*, aŭstralia gazeto, skribas en n-ro 150, Marto 1933 : En la nuna diskutado pri reorganizo de la Esperanto-movado, restas preskaŭ netuŝita sufiĉe grava faktoro — la influo de la naciismo, perturba forto ankoraŭ inter ni. Utile estus studi ĉitiurilate la enhavon de la oficiala organo de la U.E.A. kaj tiujn de la diversaj naciaj Esp-aj organoj, kiaj ili estis dum la militjaroj.

Tiu de « Esperanto » (U.E.A.). sub redaktoreco de H. Hodler, estis karakterizata de alte supernacia konstrueme neŭtrala spirito. Tio estas precipe vera pri la pensriĉaj fruntartikoloj verkitaj de t'u vastanima Eŭropano. Komparu la jenan « ŝercon », kiu aperis 15.9.18 en « The Esperanto Monthly », Londono :

« Antaŭ kelkaj jaroj Germano montris al Dana vizitanto la domon de Schiller en Weimar.

Jen la domo de nia nacia poeto, diris la Germano.

Internacia poeto, ĉu ne? diris la Dano, ĉu li ne verkis « La Virgulino de Orléans » por la Francoj, « Vilhelmo Tell » por la Svisoj, « Mario Stuart » por la Skotoj, kaj « La Fianĉino de Messina » por la Italoj?

Ŝed ĉu li ne verkis ion por ni Germanoj?

Certe, respondis la Dano, li verkis « La Rabistoj ».

La ofendo estas malkaŝa. Tia malamikeca konduto de « samideanoj » tre povas semi dubojn pri la efikeco de la « interna ideo », kies rebrilajo samnumere troviĝas en la jena bela aserto : — « It is to the work of Zamenhof that the world must look for the common tongue of the League of Nations. It is a tongue that was invented not only to prevent war but to make war impossible, because its author intended it to be used to show men that they are brothers » (!)) k.t.p. En la sama gazeto 15.4.18 ankaŭ estas reverko de la Ekzercaro de Zamenhof, destinita por soldatoj. Rekruto ne estas matura soldato (Infano ne estas matura homo) : La kanono jam ne pafas (La infano jam ne ploras). Kion Zamenhof opinius pri tio? Kiel konate certaj germanaj kaj francaj Esp-istoj febre laboris tiutempe ĉe siaj registaroj, celante akceptigi Esp-on en landaj militpropagandaj rondoj, kun parteta sukceso.

En la nuna momento regas akra naciismo en la Eŭropaj nacioj. Pluraj landoj sidas sub diktaturoj. U.E.A. ne plu havas membrojn en Itallando. La itala organo « L'Esperanto » (n-ro 16) krias : « La ordona vorto estas jena — marŝi, konstrui kaj, se necese, batali kaj venki ». Ĉu ankaŭ la germana landorgano perdos sian sendependecon pro lastatempaj politikaj eventoj?

Male, dum la milito kaj ankoraŭ nun la U.E.A. fidele funkcias ekster naciaj kadroj. senpartie, altruiste akurate. Ĝi eltenis sukcese la terurajn batojn de l'Militodio. Ĉu nova organizformo, konstruita sur la marĉo de landaj organizoj tro facile flamigataj de la partikularismo, povus transvivi similan?

(R.B., 4.3.33)

---

*Bulteno de Ĉehoslovaka Asocio Esperantista*, titoliĝas 8 paĝa modeste sed serioze aspektanta periodajo, kies unuan numeron la redakcio ricevis. Redaktas ĝin D-ro St. Kamaryt kaj D-ro Pitlik. La apero de tiu ĉi Bulteno estas la sekvo de la decido farita dum la jara kunveno en Hradec Králové, pro la daŭra neapero de *La Progreso*. La ĉefartikolo estas leginda pro ĝia priskribo de la situacio en la lando kie Esperanto fakte estas popola movado :

« En organizo estas forto! » — Jen devizo, proklamata de ĉiuj movadoj, sekvantaj celojn kulturajn aŭ politikajn, jen proverbo. kies interna vero kaj ekstera sukceso estis elprovitaj de la iniciatintoj kaj gvidantoj dum multjara nervostreĉa penado kaj per grandegaj elspezoj financaj. — Esperanto estas ne sole lingvo, helponta homojn ĉiurilate. sed — per sia « interna ideo » — ĝi fariĝis samtempe ankaŭ programo kaj alta celo de la homaro. atingota ne sole helpe de la « leĝoj lingvaj kaj moralaj, donitaj de la majstro dro Zamenhof, sed ankaŭ per senĉesa kaj daŭra kunlaborado de ĉiuj veraj esperantistoj-samideanoj. Esperantista movado estas movado viva, homa, ĝi devas do, por atingi la fiksitan celon, uzi ankaŭ rimedojn vivajn, homajn kaj — por ne perdi per nova eksperimentado tempon, fortojn kaj monon — jam aliloke elprovitajn. *ĝi devas organiziĝi.*

La bezono al organizado de la esperantista movado je internacia flanko estas jam delonge rekonita. Dudek kvin jarojn bone funkcias jam Universala Esperanto-Asocio dek jarojn funkciis Internacia Centra Komitato; oni postulas eĉ « reorganizon » de la ĝisnuna internacia esp. organizo, forgesinte. ke bona internacia organizo supozas firmajn organizajojn naciajn (ŝtatajn), da kiaj ĝis nun ne multe ekzistas, ĉar la plejparto da ili troviĝas ankoraŭ en stato embria!

Ni Ĉehoslovakoj posedas, jam depost la j. 1920 funkciantan, Ĉehoslovakan Asocion Esperantistan, internacie rekonitan reprezentanton de la esperantista movado en ĈSR, morale firman, bone estratan kaj administratan. En ĝia komitato sidas homoj spertaj,

kiuj samtempe estas funkciuloj de ĈEI, Soĉne, esper. kluboj de Praha kaj la plej viglaj provincaj, redakcioj de Progreso kaj Ligilo, UEA, LK, ŝtata ekzamenaj komisionoj, altlerneja lektorato k.t.p., do « reprezentantoj » (ĝis nun bedaŭrinde nur « privataj ») de preskaŭ ĉiuj gravaj faktoroj de la ĉs. esp. vivo. Dezirinda estus partopreno je la laboroj de ĈAE ankaŭ flanke de la ĉs. katolikaj kaj laboristaj esperantistoj. Oficiala aliĝo de ĉiuj suprenomitaj institucioj same de GEL, REL kaj aliaj al ĈAE, iam transformota en « Ĉehoslovakian » A. E., estas idealo de la estonteco, sed facile efektivigebla de celkonsciaj, praktikaj kaj bonvolaj gesamideanoj! Ĝis tiu tempo ĈAE memkomprenebl̄e amike kunlaboros kun ĉiuj, atendante la samon de la aliaj en intereso de la progreso de esp. movado en ĈSR kaj eksterlando.

Por helpi plenumi la internacian programon de esperanto kaj precipe ĝian ĉehoslovakan parton, por atingi plenan respekton al Esperanto flanke de la neesperantista publiko kaj direktodonaj lokoj oficialaj, ĈAE bezonegas helpon — moralan kaj financan — de ĉiuj, kiuj deziras esti nomataj « ĉs. esperantistoj ». La plej simpla kaj facila helpo estas membriĝo al ĈAE, kiu malgrandan kotizajon redonos al la aliĝinto multfoje en formo de la priesperantaj informoj, konsiloj kaj intervenoj, disponigante al siaj membroj ankaŭ senpagan « Bultenon », oficialan sian organon, memstare de nun aperantan laŭ decido de la lasta ĝenerala kunveno en Hradec Králové.

Membroj de ĈAE, esperantistoj kaj amikoj de Esperanto en ĈSR! Informu regule la redakcion pri por- kaj peresperanta agado Via kaj tiu de Via klubo kaj ĉirkaŭajo, estu en senĉesa kontakto kun ĈAE, kiu ĝoje rekonos ĉies honestan laboron poresperantan kaj restos al Vi dankema, se Vi helpos varbi novajn membrojn, novajn kunlaborantojn kaj estontan pionirojn de esperanto.

Venko de ĈAE estos ankaŭ venko de ĉiu opa ĉs. samideano! Do aliĝu kaj kunlaboru, por povi iam fiere diri, ke venko de esperanto kaj de ĈAE bazas ankaŭ je Via laboro. Ne staru flanke de la batalo por esperanto! Ni ĉiuj unuiĝu! Per unuigitaj fortoj antaŭen! En organizo estas forto!

---

Al nia juna kunfrato ni deziras longan prosperan vivon kaj sukceson. (Red.).

## TELEGRAMO

---

La kunveno, kiu okazis en Ĝenevo la 20-22 de Majo 1933 kaj en kiu partoprenis

1) S-ro Ed. Stettler, Prezidanto de UEA

2) S-ro Fr. Schoofs, sekr.-kas. de Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj reprezentanto de Belga Ligo Esperantista

3) S-ro C. C. Goldsmith, reprezentanto de la Brita Esperantista Asocio kaj de la Brazila Ligo Esperantista

4) S-ro René Dubois, reprezentanto de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, de la Hispana Esperanto-Asocio kaj de la Kataluna Esperantista Federacio

5) S-ro Rob. Kreuz, reprezentanto de la Centra Dana Esperantista Ligo kaj delegito de la Itala Esperantista Federacio.

6) S-ro Steiner, reprezentanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio

ekzamenis la situacion de la organizo de la tutmonda Esperanto-Movado. Ĝi starigis planon por prepari la vojon al interkonsento ĝenerala.

Tiu plano estas nun submetata al la landaj societoj kaj al la Komitato de UEA.

---

# Ĉinlando

Malgraŭ la militaj kondiĉoj en Ĉinujo, Esp. vivo ne haltas. Eĉ UEA ne estas forgesata kaj kotizoj venis lasttempe el Kanton, Tsingtao, Shanghai, Peiping (Peking).

Esperantistoj en Peiping



De maldekstre dekstren: Starantaj: S-ro Uan Hung-Nien, S-ro Lu-Sih-Heng.
Sidantaj: S-ro Chu-Cheng Yuan, S-ro C. H. Low, S-ro T. B. Chang, VD de UEA.

# El la historio de UEA

## Rememoroj

Lerno de Esperanto signifis por ni transpason de infaneco al publika vivo kun ŝarĝoj kaj respondecoj. Estis stranga aventuro.

En 1903 en nia kvina klaso de la ĝeneva gimnazio la plej « maljuna » knabo estis Hector Hodler kaj la plej juna estis mi. Tio signifas, ke li estis dek-kvar kaj mi dektri-jara. Sed ankaŭ li estis jam pli matura, pli saĝa kaj certe pli multon leginta. Eĉ la tutan verkaron de Zola li jam konis. Ne restis al li tro da iluzioj pri la vivo ĝenerale.

Lia patro Ferdinand Hodler estis ankoraŭ juna baraktanta pentristo, malriĉa, nekomprenata, kritikata, sed obstina. La filo loĝis kun sia patrino kaj iris ĉiutage al la patra laborejo por stari kiel modelo en diversaj sintenoj.

Ofte mi atendis lin malsupre de la ŝtuparo kaj partoprenis lian ĉagrenon post tro longa laciga starado aŭ ia malagrabla sceno. La patro ne havis ĉiam facilan humoron.

La knabo estis malbone vestita, nesufiĉe nutrata, tro altkreska en siaj mallongaj pantalonoj kaj videble suferis la ekonomian kondiĉon de l'artista profesio. Nur jarojn poste, jam tro malfrue, venis la subita ekkompreno de la publiko pri la genio de la patro kun la famo kaj la mono.

Nigra senorda hararo kronis la grandan frunton de Hector Hodler kaj eklipharo jam aperis tre frue. Ceteraj kamaradoj iom timis la fieran rigardon de liaj nigraj okuloj kaj ne kuraĝis diskuti kun la soleca knabo, ekstere malvarma. Neniu nin ĝenis en nia konstanta kunvagado kiel « nedivideblaj » amikoj.

Li estis la kolego pri pensoj, aliaj nur por ludoj. Ankaŭ li estis iom kvazaŭ « malpermesata frukto », ĉar mia patro ne tro ŝatis mian intimecon kun knabo el tiel stranga medio kaj tiel ribelaj tendencoj.

Mia familio estis honesta konservativa rondo, en kiu pli aĝaj fratoj, patro, onkloj instruis en konata lernejo por aristokrataj knaboj, jam fondita de praavo sub Napoleono I-a kaj gvidita poste de miaj avo, patro kaj frato, kvar generacioj plene fidelaj al respektataj tradicioj.

Dum la libertempoj mi plurfoje loĝis kun la patrino sur kampara bieneto de la familio kaj eltrovis kun samaĝa kuzo ĉiuspecajn ludojn. La pli aĝaj gekuzoj nin tedis per sia konstanta imitado de ruĝhaŭtuloj. Ni decidis elekti rolojn de kavaliroj.

Dum tri someroj mi agis kiel duko de Berry kaj pro lerno de historia fakto devis iam kuŝi en improvizita ĉerko dum la ceteraj iris temanĝi. Poste ni starigis teatron de marionetoj, tranĉitaj el kartono kaj ni prezentis eĉ « Avarulon » de Molière kaj tragedio de Racine.

Alian someron ni desegnis planojn kaj malfermis oficejon de notarioj. Fine ni konstruis sekretan alfabeton, per kiu ni povis korespondi sur poŝtkartoj kaj ni presis mem kvarpaĝan lernolibron per kaŭĉukaj kompostliteroj.

Pli saĝe estus lerni lingvon por ke la homoj sin komprenu ol kaŝan skribon por ke ili ne povu kompreni, diris iam frato, kies studenta kolego Renard lernis Esperanton.

Lernolibron li pruntedonis post niaj vintraj ekzamenoj ĉe la gimnazio. Ĝi estis donaco de la konata filozofo Ernest Naville, jam naŭdekjara kaj konsiderata kiel la plej fama Sviso tiutempa. La eminenta maljunulo estis prezentinta raporton pri internacia lingvo al la Franca Akademio de sciencoj moralaj kaj politikoj samtempe kiam Generalo Sébert faris tion al la Scienca Akademio. La du scienculoj interkorespondis kaj letere konatiĝis kun D-ro Zamenhof. Pluraj artikoloj aperis tiam en la gazetaro pri la nova lingvo, sed ankoraŭ malmultaj homoj ĝin lernis. Sole presiĝis en Upsala « Lingvo Internacia » kaj en Francujo « L'Esperantiste » de S-ro L. de Beaufront. En 1903 fondiĝis « Rondiranto » en Bulgarujo kaj « Svisa Espero ».

La lernolibro entenis nur la dekses regulojn de la gramatiko Zamenhofa kaj duoblan vortaron. Dum tuta vespero mi tralegis ĝin avide kaj komencis tuj traduki paĝon el franca lingvo por ekzerci.

Morgaŭan matenon mi intencis ja surprizi mian amikon Hodler en la gimnazio kaj eksalutis lin tuj per vortoj en Esperanto : « Bela vetero » aŭ « Bona tago », mi ne memoras. Kredeble mankis akuzativo.

Sed knabon kiel Hodler neniu sukcesis iam surprizi. « Ne kredu, ke vi eltrovis ion, li tuj respondis. Tio estas ja nenio alia ol vortoj en la lingvo Esperanto, kies lernolibron mi trastudis mem dum la somero ».

— Kion vi intencas fari per ĝi? mi demandis.

— Nenion.

Tiel skeptika konkludo ne kontentigis mian entreprenon. Mi proponis al Hodler kune lerni la lingvon. Baldaŭ ni parolis ĝin duope kaj ni fondis klubon por instrui kolegojn.

Kunvenoj okazis en senalkohola restoracio apud la gimnazio. Iom mokeme Hodler observis silente la novan fervoron de la lernantoj.

— Ĉu ĝi daŭros? li demandis.

Tamen li konsentis la kunfondon de gazeto « Juna Esperantisto » kaj ne tro ridis kiam ni aranĝis redakcian oficejon en subtegmento de nia familia domo supre malantaŭ la etenditaj ĉemizoj kaj tukoj pendantaj sur ŝnuro por sekiĝi post la ĉiusemajna lavado.

Li redaktis la « Kronikon » kaj ni pasigis jaŭdojn kaj dimanĉojn je kopiado per hektografa inko, bluigante niajn fingrojn. Poste ni « presis » kaj mem bindis la numerojn.

Post iom da tempo ni jam ricevadis korespondaĵojn el ĉiuj partoj de la mondo kaj eĉ unu poŝtkarton de D-ro Zamenhof, pie konservatan.

Edmond PRIVAT.

## Ĉeĥoslovaka numero de Literaturo Mondo

Kun ne malgranda ofero dissendis Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista la 12-an numeron de Literatura Mondo, dediĉitan al ĉeĥoslovakaj literaturo kaj arto, en la mondon al preskaŭ 200 elektitaj adresoj de konataj esperantistoj. Rekompence petis ĈAE almenaŭ simplan sciigon pri la ricevo.

Tiujn konfirmojn sendis nur eta parto de la ricevintoj kaj ĈAE tial ne havas la esperitan dokumentaron pri la efika uzo de nia lingvo sur ĉi tiu speciala kampo. Tiu kolekto estis urĝe bezonata por plua laboro en literaturaj kaj oficialaj lokoj.

ĈAE direktas nun novan insistan peton, ke la havantoj de la Ĉeĥoslovaka kajero nun rapide skribu pri la ricevo. ĈAE estos speciale danka, se ili aldonos siajn rimarkojn pri la enhavo aŭ se ili sendos esperantajn aŭ nacilingvajn gazetojn, kie aperis noto pri ĉi tiu numero.

Kiu plenumis jam la peton, akceptu nun sinceran dankon.

Ĉiun korespondaĵon pri ĉi tiu afero bonvolu direkti al la adreso : S-ro O. Ginz por ĈAE, Stárkova 4, Praha II.

# Kelkaj ciferoj pri la Jarlibro 1933

Dum tiuj tagoj la plimulto de la pagintaj membroj por 1933 ricevis la Jarlibron 1933. Ĝi estis la 21-a eldono. El eta broŝuro 24 paĝa ĝi evoluis al volumo de 448 paĝoj do 18 obliĝis. Devus esti 25 volumoj, sed dum la militjaroj 1915-1917 kaj 1918 ĝi ne aperis. En 1919 UEA eldonis Adresaron kiel provizoran helpilon.

La Jarlibro respegulas la marŝon de l'afero. Frukto de kolektiva laboro, ĝi estas pruvo kion oni povas atingi per laŭcela kunigo de bonvolo, amo al la afero kaj moneroj. Ĝi estas ankaŭ admono, kiom multe pli estus farebla, se la principo de sana racio estus pli atentata ĉe la esperantista publiko.

La nuna Jarlibro, dediĉita al la 25jara ekzisto de UEA laŭ statistike informas pri :

2015 lokoj kun Delegitoj de UEA en 74 landoj.
1099 esp. grupoj en 993 lokoj.
39 propagandaj societoj en 35 landoj kun ĉ. 25.000 membroj.
44 fakaj kaj specialistaj societoj .
51 esp. periodaĵoj naciaj.
30 periodaĵoj nur en Esperanto.
kaj plie :
14 laboristaj esp, organizaĵoj kun 13000 anoj (laŭlande) kaj 2 internaciaj.
12 periodaĵoj laboristaj

Plie estas « Interrilata Adresaro » kaj bela nombro de anoncantoj. La eldono sumas 9000 ekzemplerojn.

Unu ekzemplero pezas nete 255 gr. La tuta eldono, 9000 ekzempleroj pezas do 2295 kilogramojn.

Se oni metus unu libron al alia, formante per tio rubandon tiam tiu ĉi rubando atingus longon de 1440 metroj. Metante unu libron sur alian, oni formus kolonon altan je 135 metroj. Do unu metron malpli ol la katedralo en Kolonjo, kiu estas 136 (la turoj 157).

La kompostaĵo de unu paĝo pezas 2100 gr. La tuta Jarlibro do 448 × 2100 = 940800 gr. aŭ 940,80 kg. La paĝo enhavas meze 40 liniojn po 60 literoj, sume 2400 literoj meznombre. La tuta volumo enhavas 1.075.200 literojn.

Depost 1920, UEA eldonis 14 Jarlibrojn, entute 119000 ekzemplerojn.

La 14 jarlibrojn kune sumas 5600 paĝojn kio donus meznombran paĝ-amplekson de 400 por unu jaro.

Interesa estas alia konstato : Se ni komparas la koston de l' jarlibro 1914 (354 pĝ; 8000 ekz.) kun tiu de 1933 fiksante 1914 kiel 100, tiam la kosto de unu ekz. 1933 estas 97, ne konsiderante la pliampleksigon de preskaŭ cent paĝoj.

## La Jarlibro 1933 kun la preslaboritoj kaj helpantoj



KORTO EN LA PRESEJO EN MAGDEBURG, KUN LA PRETAJ JARLIBROJ, PRESISTO GÖRING, MALNOVA ESPERANTISTO KAJ LA PERSONARO KIU LABORIS PRI ĜI.

# Universala Esperanto-Asocio

**La 25jara UEA. — Stato de UEA. — Komisiona Kunveno 1933. — La organiza problemo. — Rigardo antaŭen.**

En la antaŭa numero de *Esperanto* ni skizis kalejdoskope la fariĝon kaj evoluon de UEA. Pli detale informas vin la « arĝenta » Jarlibro 1933, elirinta dum la nuna monato. Atentema leganto trovas en tiu-ĉi historia skizo respondon al multaj demandoj. Forgesitaj faktoj estas rememorigataj, konataj nomoj al ni reaperas, vizie ni revivas la pioniran tempon de UEA. 25 jaroj de konstanta laborado por idealo de interhoma paco pere de internacia lingvo. Multaj esperoj ne realiĝis, multo restas ankoraŭ plenumota. Malaperis bravaj batalantoj, novaj venis. Ŝanĝis la mondo kaj la ideoj, sed firme staras nia movado kaj kun ĝi Universala Esperanto-Asocio, pulsanta koro de l'aktiva esperantismo.

## *UEA en 1933.*

Unua demando kaj la respondo : Kiel fartas UEA ? Ne malbone ! Konsiderante la malfacilaĵojn ĉiuflankajn, la barojn estiĝintajn el la ekonomia disfalo oni facile komprenas nian urĝan insiston, resti fidela kaj helpi ĉiel al la Asocio.

Pasintan jaron, je sama epoko la Komisiono de UEA per solena deklaro atentigis la membraron pri la situacio. Konciza raporto kompletigis ĝin. La celo ke « *vekiĝu Esperantujo* » estis atingita. Belaj pruvoj de oferemo helpis fini la jaron 1932 sen tro granda perdo. Sed la klopodoj estis eksterordinaraj, tiom de la Delegitoj, kiom de la Centra Oficejo. Ĉu estas malmodeste, se por 1933 ni petas de vi saman helpemon, saman oferemon ?

Necesas ke ni citu kelkajn faktojn. Ne tediĝu pro tiuj informoj, kara leganto, ankaŭ nin ili ne amuzigas. Entrepreno, kiu laboras kun la tuta mondo, suferas unuavide de la manko de fido. Tio esprimiĝas diversmaniere. Ĉefe kaj plej grave en la pago-malpermesoj de unu lando al alia. Nur parenteze ni aludas pri la falo de la monkurzoj. Hodiaŭ nur tri landoj fakte bazas sian monon sur la *oro* (kun la regulo pagi al eksterlando per tiu ĉi metalo). Tio ĉi estas plia kaŭzo de malcerteco en la internaciaj rilatoj. Super ĉio pendas kiel daŭra minaco la senlaboreco, de kiu granda aro de niaj membroj estas atingita. Kaj laste venas la politika maltrankvilo, la nervozeco kiu sin montras en multaj landoj pro politikaj ŝanĝoj, kiujn ni ne bezonas citi.

Kio rezultas el ĉio tio por nia Asocio ? Unue : Pli malfacila pagebleco de la membroj, prokrasta eniro de la kotizoj, falo de la enspezoj absolute kaj relative. La absoluta malkresko de la enspezoj al la malpliiĝo de la sumoj enspezitaj kaj al la meza kotizo. Tio estas sekvo de la kurzfalo. La relativa malkresko rilatas al la malpliiĝo de la membraro, sekvo de la malcerteco pro la organiza problemo kaj certaj manovroj de malamikoj de UEA. Tiu ĉi malkresko estas certe egaligota dum la venontaj monatoj, kiam vidiĝos tre klare, ke la organizo esperantista nur povas esti solvata en interkonsento kun UEA kaj ne per ties detruo.

Kelkaj ciferoj klarigas iom la situacion : La oficialaj kotizoj estas fiksitaj en svisaj frankoj. Por faciligi la aliĝon en landoj kun granda valutdiferenco (sekve kun salajroj senteble pli malaltaj ol en tielnomataj oraj landoj) ni enkondukis en 1920 la favorprezojn, adaptitajn al ĉiu lando, kaj bazitajn sur sperto de 14 jaroj. Tiuj kotizoj permesis, ke UEA povis konservi la universalecon. Alie miloj da anoj ne estus povintaj aliĝi. La sekvo de tiu regulo estis, ke anstataŭ ricevi por Membro-abonanto 12.50 frankojn sv., la Centra Kaso nur ricevis *fr. 7.82* en 1932. La plej alta sumo ricevita por Membro-abonanto estis *fr. 8.90* (1929).

Tiun ĉi perdon ni povis kompensi per la malaltigo de la elspezoj, presigante niajn eldonaĵojn en landoj kun malpli alta mono.

La jena tabelo nun montras la situacion de la meza enspezo el la kotizoj por 1932 kaj la unua kvaronjaro 1933 (en svisaj fr.) :

| | Membro | Membro-abonanto | Subtenanto |
|---|---|---|---|
| 1932........ | 3.51 | 7.82 | 20.23 |
| 1933........ | 3.28 | 7.21 | 19.97 |
| Malkresko .... | 0.23 | 0.61 | 0.26 |
| Laŭprocente... | 6.5 | 7.9 | 1.3 |

Komence de la administra jaro (t.e. dum Novembro 1932) ni ne altigis la favorprezojn, por ne ĉagrenigi fidelajn membrojn. La certan perdon en unu aŭ du kategorioj de la membraro ni esperis kovri el pli forta varbado, kaj ĉefe el pli multaj aliĝoj de Subtenantoj. Espero kiu parte realiĝis. Ĉiuokaze ni devas atenti tiun malkreskon de la meza enspezo el kotizo, kiu ne estas egaligebla aŭtomate per malgrandigo de la elspezoj.

Stariĝas la demando kiel ni reagu por trapasi tiun ĉi danĝeron. Senbezone estas atentigi, ke nur la varbado de *novaj anoj* povas kompensi eblan perdon. Por faciligi tiun ĉi varbadon ni dissendas dum tiuj tagoj oficialan bultenon al la Delegitoj de UEA, kun varbiloj. Sed ne sufiĉas, ke nur la Delegitoj klopodu. Ĉiu membro de UEA ne nur rajtas, sed devas gajni sian premion de varbado.

La dua faktoro en la batalo estas la varbado de Subtenantoj. Jam ofte ni diris tie-ĉi, ke certa nombro de Subtenantoj aŭtomate forigus la dilemon al la estraro. Se vi atente rigardas la komparan tabelon pri la meza kotizo en la Jarlibro 1933 (paĝo 100), vi konstatas tuj, sen nia prediko, kiom favore influas tiu ĉi kategorio nian mastrumadon. Dum 1932, 547 personoj bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj, pruvo por la intereso kiun trovas tiu ĉi ebleco inde helpi al UEA, samtempe ricevi libropremion, kio denove helpas iom al la suferanta librokomerco esperantista (Mano manon lavas).

Pasintjare la Komisiono de UEA decidis aprobi monkolekton kies rezulto servu por ŝtopi la truon. Laŭ la jarkalkulo (vidu *Esperanto*-n, Jan. 1933, paĝo 20) la rezultato estis fr. 2547.23, ŝatinda « truŝtopigilo » okaze de la bilanco. Faris donacojn 78 personoj de plej malgranda sumo ĝis la belaj 500 frankoj de nia oferema prezidanto. Dividante la finsumon per la nombro de la donacintoj ni ricevas fr. 32.65, le meza sumo de unu donaco. Perspektivo tro bela, por daŭrigi en spekulacio alloga !

La Komisiono de UEA tamen ne deziris alvoki je donacado. Tio ne volas diri, ke la Centra Kaso ne akceptas bonvolajn donacojn. Plezure ni konstatas, ke jam 35 personoj komprenis la utilon de tia monkolekto. En numero pasinta, paĝo 89, Oficiala Informilo, ni kvitancas tiun unuan serion de donacoj. Pliaj estas kore bonvenataj !

Helpo al la Asocio en alia formo estas la aliĝo kiel dumviva membro, kiu pagas 300 frankojn svisajn. La ekonomia malpliboniĝo kaj la ĉikanoj en la transpago de pli grandaj sumoj malfavore influis tion. Tamen ni povas registri du aliĝojn el Francujo kaj Aŭstralio. Partpagas kelkaj aliaj kaj ni esperas komuniki pliajn nomojn dum la nuna jaro.

Al ĉiuj samideanoj kiuj helpis kaj helpas varbante, kolektante kaj pagante ni esprimas koran kaj sinceran dankon.

### *Komisiona Kunveno de UEA*

okazis dum Pasko, de vendredi la 14-a ĝis lundo la 17-a de Aprilo, en la Centra Oficejo. Blua ĉielo, ora suno, somera varmo. Partoprenis la kunvenon la Prezidanto, la Vicprezidanto, S-roj Blaise, Rockmann, D-ro Privat, D-ro Poncet kaj la Direktoro. Ĉeĥoslovaka komisionano S-ro Hromada, pro subita malsano, ne povis veturi. Dum sep kunsidoj la Komisiono esploris la financojn, la bilancon 1932, aŭdis raporton de la Direktoro kaj fine okupiĝis pri la pendantaj aferoj de la Internacia Organizo. Estis ekzamenita abunda dokumentaro. Konforme al la respondoj de la Komitatanoj al detala elmontro de la situacio, la Komisiono decidis jenan konkludon :

« Konforme al la volo esprimita per komitata voĉdono, la Komisiono :

1) *konstatas* la akcepton de la projekto de S-ro Stettler en la februara numero de *Esperanto* kiel projekto de UEA;

2) *opinias,* ke, krom la rajtoj donitaj al la naciaj societoj en tiu projekto UEA donu, laŭ la cirkonstancoj, al la grupoj aŭ naciaj societoj la eblecon, sin esprimi pri la proponataj personoj antaŭ la elekto de nova delegito;

3) *atentigas,* ke estas la unuanima opinio de la Komitato, ke restu la supernaciaj principoj de UEA (memstareco, universaleco kaj senpera aliĝo) ;

4) *komisias* la Direktoron, ellabori modelon de kontrakto kun propagandaj societoj pri komuna kotizo laŭ eble plej favoraj kondiĉoj, modelo, kiu estos submetata al la Komisiono;

5) *aprobas* la ĝisnunan agadon de la Prezidanto kaj petas lin, daŭrigi la traktadon, por atingi interkonsenton laŭ ĉi-supraj principoj;

6) *decidas* seninterrompe daŭrigi la kutiman laboradon de la Asocio kaj prepari energian defendon de siaj principoj, se ne sukcesus amika intertraktado;

7) *decidas* publikigi en taŭga formo la decidon de la Komitato pri la cirkulero de la 14 Marto 1933, kaj la principojn, laŭ kiuj UEA estas preta, serĉi interkonsenton kun la naciaj societoj.

Leganto, kiu ne tute komprenas la detalojn de tiu ĉi konkludo estu atentigata, ke aperos klarigo pri la unuopaj punktoj.

La ĉefa konstato kaj plej grava estas la deziro de la Komitato « *ke UEA restu en sia nuna formo* » kaj daŭrigu sian agadon.

### *La organiza problemo.*

Antaŭ ol ni resumas kelkajn faktojn pri tiu ĉi afero, ni petas de vi, kara leganto, absolvon kun certigo de nia flanko, ne plu tedi vin pri tiu ĉi tenio-simila temo. Jam ni ricevis aron da plendoj pri tro da organiz-aferoj en *Esperanto.* Por multaj, tiuj informoj estas konstanta ĉagreno pro la spirita disigo, kiun kaŭzis la forlaso de la sole taŭga vojo : la sana evoluo.

Valoras ke ni resumu la staton de la afero. La statuton de la nova organizo laŭ Pariza propono akceptis laŭ nia scio ĝis nun 10 societoj, malakceptis g.n 12 societoj.

Akceptis la societoj : Brazila, Brita, Dana, Franca, Hispana, Itala, Japana, Kataluna, Litova kaj Sveda.

Malakceptis ĝin (aŭ faris aranĝon kun UEA) : Aŭstria, Belga, Bulgara, Ĉeĥoslovaka, Estona, Finnlanda, Germana, Germana en Ĉeĥoslovakio, Hungara, Nederlanda, Pola, Usona.

Ne ankoraŭ voĉdonis la societoj : Argentina, Aŭstralazia, Danziga, Flandra, Greka, Helena, Hispana Konfederacio, Jugoslavia, Kuba, Latva, Nederlanda-Hinda, Norvega, Novzelanda, Rumana, Svisa. Sume 15 societoj. Dissolviĝis du societoj : La Saarteritoria kaj Portugala. La lasta daŭrigas kiel teritorio de UEA.

La findecido de Dana, Kataluna kaj Sveda societoj apartenas al nacia kongreso, okazonta dum pentekosto nunjara. Same kelkaj societoj ne decidintaj ĝis nun, faros tion dum la jara kunveno.

Jen proksimume la bildo. Tio rilatas nur al la nacie organizitaj esperantistoj. Pri la fakaj kaj specialistaj societoj nenio estis farita. La granda nombro de varbeblaj kaj varbindaj samideanoj *eksterorganizaj* ankaŭ restas flanken.

Trudiĝas nun la penso, ke devus esti trovata interkonsento kun Universala Esperanto-Asocio. La decido de la Komitato de UEA faciligas tion kaj estas esperinde, ke la proksima tempo realigos solvon sur meza vojo.

### *Rigardo antaŭen.*

La nuna mondo similas al bolanta kaldrono. La milito kun ĝiaj sekvoj kreis staton netolereblan por la homaro. Ideoj kvazaŭ sanktigitaj pro tradicio kaj kutimo perdas sencon kaj novaj ideoj aperas sur ĉiuj kampoj. Malproksime en oriento kaj en sudo oni batalas. Laŭ la gazetinformoj tamen ne temas pri « milito », kvazaŭ oni sentus eron de honto, doni al la infano sian veran nomon. Konferenco sekvas al konferenco por provi solvon aŭ almenaŭ bazon de kunlaboro. Ĉiu nature atendas cedon de l'alia en tiu aŭ alia problemo. Kaj nur reciproka interkonsento povus plibonigi tiun ĉi staton. Centprocentaj solvoj ne ekzistas.

Meze de tiu ĉi absolute nekontentiga stato troviĝas nia movado. Ankaŭ ĝi montras signojn de malcerteco. La subita rompo en Parizo celis laŭdire solidigi la tutan movadon. Ĝi atingis la kontraŭon, ĉar mankis la sincereco. Kaj nur sur sincera interkonsento estas eble konstrui ion kio kreskos kaj floros.

Pasis dek monataj jam. Kristaliĝis la tuta problemo kaj montriĝis, ke la plimulto de la esperantistaro organizita ne deziras revolucion sed evolucion. Kio bone servis dum jardekoj restu. Kio de novaj ideoj povus alporti utilon oni akceptu post provo.

Ni rigardu antaŭen kun fido kaj espero. Malgraŭ ĉio neagrabla, kio pezas kaj premas nin, ni havu la konvinkon, ke el la nuna ĥaoso fine fariĝos io konkreta, kio plenumos la dezirojn de la plimulto.

UEA, ĉiam preta servi al ĉiuj, etendas la manon al ĉiuj, kiuj opinias, ke nur per reciprokeco ambaŭflanka la movado sukcesos.

Ni havu tiun fidon kaj ni daŭrigu nian taskon.

1 Majo 1933. (Direktoro de UEA.)

**La venonta numero**
**eliros komence de Julio 1933.**

# Literaturo

## Till Eulenspiegel volas revivigi mortintojn

De H. Schmidt.

*Till Eulenspiegel estas nomo de burleskulo el la mezepoko.*

Till Eulenspiegel ankaŭ alvenis al urbo, kiu estas plena de saĝaj homoj. Pro tio li surmetis grandajn okulvitrojn, kiuj ankoraŭ hodiaŭ en Mölln estas montrataj al paginta fremdulo, ĉirkaŭvolvis sin per longa mantelo kaj diris, ke li estas fame konata kuracisto el Salerno kaj ne okupiĝas nur pri ordinaraj malsanoj. Kontraŭe, li revivigos mortintojn, plej prefere tiajn, kiuj jam de longa tempo putras en la tero, ĉar nur tio estas la alteco de vera arto. Sur la tombejo de St. Martin posttagmeze je la sonorbato li pruvos. Ĉiuj estas afable invitataj.

Ĉar la homoj estis saĝaj, ili malofte aŭdis tian neniam aŭditan trompon. Tamen, akurate la tuta loĝantaro kunvenis kaj atendis scivoleme la okazontaĵojn. Till Eulenspiegel digne paŝis antaŭen kaj vokis :

« Do, mi komencu ĉi tie ĉe la tombo de l' mortinta ĉefurbestro. Vi ĉiuj scias, ke li estis ekzemplo de justeco. « Neanstataŭebla ! » kaj « Neforgesebla ! » estas ankoraŭ ĉizita sur tiu ĉi ŝtono. Mi volas nun redoni lin al vi... »

Sed li vidis la embarasitajn vizaĝojn. « Ni ja jam havas alian ĉefurbestron kaj se la malnova revenus, estus nur malpaco », diris iu.

« Laŭ via volo ! » respondis Eulenspiegel kaj alpaŝis la duan tombon. Ĉi tie kuŝas via estinta pastro. La tuta komunumo foje plorante sekvis lian ĉerkon. En lia nekrologo estis skribite...

Maljuneta sinjoro interrompis lin. « Mi estas », diris li, « unu el la diakonoj de la paroĥo. Intertempe ni firme dungis posteulon, ankaŭ ni estas kontentaj pri li, kaj ĉar li estas pli juna ni ĝoje ne bezonas pagi tiom altan salajron. Se la malnova pastro revenos, ni ne plu povos ĉesigi la kontrakton kun la nova. Du pastrojn ni ne povos salajri, tio estus tro por la paroĥo. Oni do lasu lin ripozi en paco.

« Amen ! » finis Till Eulenspiegel kaj iris al la tria tombo. « Tie ĉi kuŝas persono, pri kiu la surskribo diras : « Eterne funebrata de sia amanta edzino ! » Ĉu iu konas la vidvinon ? Ŝian ĉagrenon mi volas finigi ! »

« Mi rezignas ! » kriis ektimigite ankoraŭ impona virino. « Mi jam funebris pri li dum preskaŭ du jaroj, sed nun mi konatiĝis kun beleta bakistmastro kaj en la proksima semajno okazos la edziĝofesto. Mi scias, ke la mortinto estis ja bona al mi, sed tamen, kiel mi nun rimarkis, jam tre kaduka. »

« Ho ! Sinjoro doktoro, plej — plejbona, ne faru al mi tiun senhonoron ! »

« Vi estas prava ! » diris Till Eulenspiegel, « tio estus kruela ! »

Li lokigis sin antaŭ malgranda infanotombo mallarĝa, kiu estis plaĉe ornamita per violoj kaj miozotoj (ne-forgesu-min). « Finfine mi troviĝos ĉe la ĝusta loko ! » Efektive, pala virino juna alkuris, ŝiaj okuloj brilis kaj jam ŝi etendis siajn brakojn...

Tuj sin metis dika virino inter ŝi kaj la tombo — eble estis najbarino. « Se vi volas bonfari, doktoro, permesu la ripozon al la kompatinda infano. La viro estas senlabora, la virino malsana kaj portas novan idon sub la koro. Jam nun ili ne havas sufiĉe por manĝi. »

La pala juna virino klinis la kapon kaj ploregis.

Sed Till Eulenspiegel paŝis al granda ŝtono el marmoro. Ĝi apartenis al riĉa viro, kiu estis bonfarulo por malriĉuloj.

« Ĉu mi revivigu lin ? »

« Lia mono jam delonge estas disdonigita al la heredantoj. Pripensu do... »

Eulenspiegel daŭrigis. Ĉe alia tombo iu tiretis lin ĉe la maniko.

« Atentu, sinjoro doktoro ! Ĉi tie estas enterigita la impostenkasisto ! »

Eulenspiegel senpacienciĝis kaj plendis :

« Kiel mi montru al vi mian arton, se vi ne allasas min al la celo ! »

La ĉeestantoj pripensis. Unu diris : « Tie malantaŭe, ĉe la muro de la tombejo, kuŝas maljuna almozpetinto, kiu mortis sur la strato kaj ne plu havas parencojn. Se vi revivigos lin, al neniu okazus maloportunaĵoj... »

« Kial do ? » kriis la nova ĉefurbestro. « Tiam la maljuna almozpetintaĉo estus nur je la ŝarĝo de la komunumo. Ne ! — Ni vidas ja, ke la sinjoro doktoro volas revivigi mortintojn kaj ni kredas al li, ke li kapablus tion. Tia arto vere estas nekomparebla. Tial mi transdonas al vi, en la nomo de la urbo ĉi tiujn cent guldenojn kaj petas vin samtempe, iru plu vian vojon, sinjoro doktoro ! »

Till Eulenspiegel enpoŝigis la monon kaj ridetis malgaje...

(Trad. A. R.)

## La kaslibro

De R. G. Gallahan.

Vizitinte antaŭ kelkaj tagoj malnovan amikon mi konstatis, ke li havis tre malbonan mienon. Je mia demando pri la kaŭzo, li montris al mi, anstataŭ respondo, unu paĝon de sia kaslibro. Mi legis el la cifervicoj tragikomedian historieton, kiel ĝi povas okazi ĉiutage :

| | | | *Elspezoj :* |
|---|---|---|---|
| Oktobro : | 3. | Anonco : Stenotipistino serĉata . . | 3.50 |
| » | 6. | Violoj por la nova stenotip-ino . . | 2.70 |
| » | 8. | Salajro semajna por la nova stenotipistino . . . . . . . . . . . . . . . . | 50.— |
| » | 11. | Rozoj por la nova stenotipistino . . | 7.— |
| » | 15. | Semajna salajro por la stenotipistino. | 90.— |
| » | 19. | Tagmanĝo kun F-ino Lilian Fr. . . | 36.60 |
| » | 22. | Salajro de Lilian . . . . . . . . . . . | 120.— |
| » | 25. | Teatro kaj vespermanĝo kun Lilian. | 130.— |
| » | 26. | Peltmantelo por mia fianĉino . . . . | 3.000.— |
| » | 26. | Anonco : Stenotipisto serĉata . . . . | 3.50 |

# La malapero de la primitivaj popoloj

De P. R. Oton.

Jam multaj scienculoj pripensis la fenomenon de la malapero de florantaj popoloj, regintaj super grandaj landoj ja eĉ kontinentoj. La tempospaco inter la unuaj konkermilitoj de la hispanoj ĝis la mondmilito entenis resume la epokon de la superreco, de la ekspansio kaj de la kolonia politiko de la blanka raso.

Kio estis la instigiloj, puŝintaj la eŭropanojn, etendi ilian potencon, organizi konkermilitojn kaj subpremi fremdajn popolojn ? Germana geografo Sapper nomas inter tiuj fortoj puŝantaj, la deziron disvastigi la kristanismon, kun avido je potenco kaj oro, ankaŭ atribuas gravecon al la kreskanta nombro de la propraj popolanoj, sekve la limigo de la posedata terspaco.

Kio estis la rimedoj, kiuj donis al la eŭropanoj la venkon super la cetera mondo? La blankuloj disponis pri armiloj kaj teknikaj rimedoj, jam en si mem certigantaj superecon kontraŭ la koloruloj ». Estis la brando, kiu eble ne devus esti kalkulita kiel rimedo por malfortigo kaj ekstermo de la kontraŭulo, *sed* tiel efikis. Speciale la indianoj perdis pro la influo de la danĝera « fajro-akvo » la rasan fierecon kaj memestimon. Rekte oni delogis ilin al orgioj kaj krimoj. Sensukcese antaŭvidantaj estroj de la indianoj petis la registaron malebligi la vendon de l' brando al indianoj. Tro malfrue. La epoko de la kompreno pri la danĝereco de la brando ankoraŭ ne venis. La malapero de kelkaj naturpopoloj estis kaŭzita ankaŭ pro la enkonduko de malsanoj per la eŭropanoj. Kiel la alkoholo, tiel ankaŭ kelkaj baciloj kaj parazitoj efikas detruige, kiam tiuj kontaktiĝas kun viktimoj nepreparitaj, nekutimigitaj tra generacioj al veneno kaj fortigintaj la propran rezisto-povon. Tre forte efikis la variolo speciale en Ameriko. Nur en la 16-a jarcento kelkaj milionoj de indianoj mortis pro tiu ĉi malsano. Ankaŭ skarlatino, morbilo kaj eĉ la senkulpa nazkataro postulis milionojn da viktimoj.

Apud armiloj, brando kaj la malsanoj oni ne devas forgesi ankaŭ la psikajn efikojn de la kulturitaj rasoj super primitivaj popoloj. La grandaj ŝipoj kun kanonoj, pafiloj kaj ĉiuj tiuj perfortigiloj mirigaj de la eŭropa civilizo igis, ke la indiĝenoj opiniis la eŭropanojn specon de dioj, kies potenco estas pli granda ol tiuj de la propraj dioj, konsideritaj kiel la plej fortaj, plej potencaj sur tero kaj ĉielo. La kredo al la propraj dioj ŝanceliĝis. Dum la tempo de la netuŝita idolaneco tiu ĉi kredo estis nevenkebla. Medicinisto aŭ ŝamano je kies dio oni kredis, povis diri al sana forta viro : « La fingro de la morto montras sur vin ! Morgaŭ nokte, kiam luno estos plena, vi nin forlasos ! » Kaj la viro mortis. Tiu ĉi kredo nun ŝanceliĝis, transiris al la misiisto kaj la dio de li proklamita, sendube pli forta kaj unika. Veraj diskutdueloj okazis inter misiistoj kaj idolanaj pastroj kaj ne malofte estis la rezulto, ke venkita ŝamano pendigis sin. Sapper konkludas ke psika premo facile forigas ĉian fidon en la estonto, eĉ deziron je idaro kaj fine emon al memmortigo. Kiel estis la strategio de la blankuloj ? Sapper diferencigas tri metodojn, kiujn li karakterizas per la tri formuloj precizaj : « *Lando sen popolo* », « *Popolo sen lando* » kaj « *Popolo kaj lando* ».

---

En la moderklimataj regionoj de la tero, la koloniigo okazis laŭ la formulo *Lando sen popolo*. En la modera klimato, la blankulo mem kapablis kulturi la teron, ne bezonis la indiĝenon kiel en tropikaj kaj subtropikaj regionoj, kie la laboro de l'indiĝeno estas ne-anstataŭebla. Ĝis la 20-a jarcento la eŭropanoj penetris en la maldense popoligatajn landojn kaj forpelis la indiĝenojn. La akiro de la tero okazis laŭ la formo de vendkontrakto, pri kies signifo la indiĝenoj plej ofte nenion komprenis. Eble eĉ supozis, ke ne temis pri vendo sed nur pri dumtempa luo. Apenaŭ teritorio estis okupita de la blankuloj, ili puŝis antaŭen kaj tiel devigis la senpropriigitojn, retiriĝi en regionojn nefruktodonajn. Ne malofte la forpelo okazis nerekte ekzemple se la ĉasbestoj, ĉefa nutraĵo, estis laŭplane malapergitaj. Se kiel sekvo la indiĝenoj ŝtelis bestojn ĉe la blankulo, oni punis ilin severege, organizante ekspediciojn, kreskiĝintajn je ekstermigaj militiroj. La mortigo de indiĝeno apenaŭ estis konsiderita kiel malbono. Sapper raportas, ke la buroj en Suda Afriko malkaŝe estis alvokitaj ekstermi la buŝmenojn. La ĉaso kontraŭ buŝmenoj estis permesita sporto, simile je tiu kontraŭ gazeloj aŭ strutoj. En Tasmanio la landestro Arthur organizis en la jaro 1830 efektivan ĉasadon kontraŭ la indiĝenoj kaj ĝis la jaro 1829 oni pagis en tiu ĉi insulo premiojn por kaptita indiĝeno, simile kiel en Norda Ameriko ĝis la mezo de la pasinta jarcento oni pagis por kolektitaj skalpoj. En la Fajrolando ekzistis premio de unu funto sterlinga por paro de fortranĉitaj oreloj de indiĝeno. Dume francoj kaj angloj en Kanado sukcesis rilati amike kun la indiĝenoj kaj ankaŭ la nederlandanoj en Norda Ameriko sukcesis tiel; ne estis same en la ŝtatoj de Nova Anglujo (New England) kiam alvenis la pilgrimpatroj en la 17-a jarcento. Firmaj bibliokredantoj, ili supozis kaj efektive kredis en la indianoj la posteulojn de la kanaanitoj de la Malnova Testamento, kies ekstermo estas laŭdinda faro. En Norda Ameriko, en Aŭstralio, en Tasmanio diversaj registaroj eŭropaj koloniigis la landon per punuloj, kiuj ofte uzis siajn malbonajn pasiojn al la indiĝenoj kaj venenigis la atmosferon. La indianoj kiuj sufiĉe konis la teravidon de la blankulo, venĝis sin post la venko de Sainte Claire, ke ili plenigis la buŝojn de la mortigitoj per tero. En la jaro 1837 oni transigis la tribon de la ĉerokesoj, gento sufiĉe evoluiĝinta, al rezerva teritorio, pli ol mil kilometrojn for de la hejmlando. La koston de la deviga transigo, la tribo devis mem pagi. Pereis pli ol unu kvinono.

---

Laŭ la sistemo *Popolo sen lando* la unuaj koloniigistoj de Ameriko havigis al si per sklava ĉaso kaj komercado la homojn tropikajn, kapablaj labori en la varmaj regionoj. Dum 300-400 jaroj, milionoj da negroj estis transportitaj al la Nova Mondo. La homperdo de Afriko estis multe pli alta, ĉar dum la ĉasado kaj transporto pereis duoble pli multe. Post forigo de la sklava komerco, oni varbis laboristojn, metodo, kiu antaŭvidas la libervolan akcepton. Praktike, mensogo, trompo kaj perforto ludis rolon kaj tiel la *varbado* ne multe diferenciĝis de la antaŭa ĉaso. Grandajn homperdojn kaŭzis la transportoj de tutaj triboj. Oni asertas, ke la tropika homo estas ligata al certa zono kaj ke eĉ eta diferenco en la klimato malutilas al li. En Gvatemalo oni laborigis milojn da indianoj el la alta lando ĉe konstruo de fervojo. Eksterordinare granda procentaĵo de ili malsaniĝis pro la klimato kaj mortis. Negroj el malalta lando pli facile adaptiĝis al la kondiĉoj.

La *popolo sen lando* ofte estis ĉikanita kaj suferigita korpe kaje anime. La kolekto de la kaŭĉuko ekzemple estas unu el la kaŭzoj de perforto kaj mortigo. Ne nur en la Kongolando, ankaŭ en Peruo, la blankuloj senskrupule traktis plej malbone la indiĝenojn. Ĉe la Putumajorivero en Peruo pereis komence de la nuna jarcento pli ol 30.000 indianoj, laborantoj en la kaŭĉuko-arbaroj.

Homamaj scienculoj esploris tiun ĉi senton de malamo de blankulo kontraŭ kolorulo pro tiuj agoj tute ne kompreneblaj. Ili klarigis tion el subita malsano psika la tiel nomata *tropika kolero*, devenanta el la klimata kaj nutra ŝanĝoj.

En tiuj regionoj tropikaj kaj en subpolusaj strioj la koloniigado okazis laŭ la formulo *Lando kaj popolo*. En klimatoj, al kiuj la eŭropano ne povas adaptiĝi, li laborigas la indiĝenon laŭ enlanda maniero kaj kontentiĝas je la profito de peranto. Sed la teknike supera maniero de ĉasado al maraj mambestoj, malgrandigis la sukceson de la indiĝenoj kaj per tio kontribuis je ilia malapero. En la tropikoj la blankulo dependas de la laboro de l'indiĝeno. Malgraŭ tio, pro homa malkompreno kaj manko de indulgo aŭ nelertaj decidoj, milionoj da homvivoj estis detruitaj. Kuracistoj asertas, ke la devigo de kompleta sinvestado ankaŭ kunhelpas en la varmegaj zonoj, ke indiĝeno degeneriĝas kaj pereas... Por homoj malhelaj la protekto per vestaĵo ne estas necesa. La malhela pigmento de la haŭto ne faciligas la penetradon de la sunradioj.

Esploranto de Suda Ameriko, Koch-Grünberg respondis precize kaj koncize la demandon pri la ĉefa kaŭzo de la malapero de la naturpopoloj per la vorto « Kapitalismo ». Li kompletigis : « Reiru al la tempo de la malkovroj, ĉiam la mamono estis la kaŭzo de la mortado de l' naturpopoloj. Antaŭe temis pri oro, hodiaŭ estas la kaŭĉuko. »

(Prilaboris G. AGRICOLA.)

---

# La du Pordoj

De Ivan VAZOV.

---

*Ivan Vazov, bulgara poeto kaj verkisto. Naskiĝis 27 Junio 1850 en Sopot, mortis 22 Sept. 1921 en Sofia. Belegaj poemoj profundsentaj (« Sub tondro de l' venkoj », « Macedonaj Kantoj », multaj noveloj kaj romanoj inter kiuj plej impona « Sub la jugo », el la tempo de l' nacia subpremo.*

---

En la juĝa kunsido de la apelacia tribunalo dum tiu tago estis ekzamenata la tre longedaŭra, persista kaj pasia proceso inter Dika Jordanov kaj Nikola Zargov. La proceso estis civila kaj jam tri jarojn kaj duonon vojaĝis ĝis ĝi alvenis ĉi tien, dank' al la lertaj artifikoj kaj manovroj de iliaj advokatoj.

Sed anstataŭ laciĝi la partiojn, tiu prokrastemo ankoraŭ pli furiozigis ilin kaj ilia disputo fariĝis pli nepacigebla kaj kolera.

La advokatoj ne malvolonte akceptis defendi iliajn interesojn kaj en la forlogiĝo de la diskutado ili ne ŝparis reciprokajn atakojn, vundojn, riproĉojn pri nescio, malhonesteco pri falsemo...

Tiu pasieco plaĉis al la partioj. Kaj la akuzanto kaj la akuzato gratulis sin interne pro la elekto de siaj defendantoj. Ĉar estas konate, ke nur tie estas sento, kie ankaŭ estas forto; la sento estas elemento necesa en la elokventeco, precipe en la advokateco, kie ĝi, kune kun la frazo, ofte servas por ŝtopi la mankon de pruvoj... La advokatoj, interalie, ĵetis al si tiajn kolerajn rigardojn, ke oni pensis, ke nur la respekto al la loko ilin detenis ne ĵeti sin unu kontraŭ alia kun pugnoj. « Kolera hundo gardas ŝafaron ».

La flamaj disputoj finiĝis kaj la tribunalo retiriĝis en la konsiliĝan ĉambron. La malmultaj ĉeestintoj en la ĉambrego de la kunsido eliris en la koridoron por fumi, ĝis la juĝistaro faras sian rezolucion.

Zargov estis en tre ekscitita spiritstato. Li estis preskaŭ certa, ke li gajnos ĉi-tie, sed la perspektivo, ke ili nepre devos treni sin ankaŭ al pli supera instanco, eble, ankoraŭ jarojn, kolerigis lin terure kontraŭ Jordanov kaj venĝosoifo brulis en la brusto.

Atendu nur, — li diris al si —, mi devas konduki kontraŭ li kriminalan proceson, pri kiu mi parolis kun mia advokato. Mi havas ĉiujn rimedojn por lin sendi en la malliberejon dum kelkaj jaroj, mi ruinigos lin !

La afero rilatis iajn gravajn kalumniojn kontraŭ li, diritajn antaŭ atestantoj de Jordanov en minuto de eksciteco pro kolero kaj malamo.

Tiu ĉi decido, prenita definitive, kvazaŭ alportis trankviligon al Zargov; nur tiam li ekfumis cigaredon marŝante en la koridoro.

---

Pasis tempo kaj la juĝo prokrastiĝis. Zargov laciĝis pro marŝado kaj apogis sin kontraŭ pordo kun forta malpacienco pentrita sur la vizaĝo.

Apogita kontraŭ la pordo, li aŭdis la homojn interne kaj senpripense ekrigardis tra la truo. En la ĉambro du personoj, amike enbrakintaj sin, promenis kun cigaro en la mano kaj interparolis ridante.

Zargov tre ekmiris, rekoninte en ili la du advokatojn.

Kion signifas tio ĉi ? — li diris al si, — antaŭ nelonge ili ĵetis al si ofendojn publike, kaj nun tia delikateco !

La kaŝiĝis kaj ekaŭskultis.

La interparolo inter la du defendantoj estis pri la promenado, kiun ambaŭ intencis fari kun siaj familioj dimanĉe en la banlokon Gorna Banja; poste ili transiris al la proceso.

— La juĝo prokrastiĝas, — diris la defendanto de Zargov, rigardinte sian horloĝon; — kvazaŭ estas Salomona juĝo. Kiel ajn, mi gajnas. Vi kasacios, ĉu ne ?

— Kompreneble, respondis la defendanto de la akuzato.

— Kvankam ankaŭ tie vi perdos, ridis la unua.

— Ke tiu-ĉi proceso estas perdita en ĉiuj instancoj, tion ĉi mi jam sciis kiam mi akceptis ĝin. Sed mi ne malkuraĝigis Jordanov'on... Kial ? Se mi ne prenos ĝin, alia malnoblulo ĝin prenos...

Nun ni estas tia amaso en Sofia, ke se vi celas al hundo, nian kolegon vi frapos. Danku al mi, ke mi havigis al vi certan venkon kaj tre bone pagitan, ĉu ne vere ? diris la defendanto de Jordanov.

— Jes, ridetis la alia ruze, por mi; krome ankaŭ vi iom senplumigos unu anason. La mia kaj la via estas sufiĉe profitdonaj, ni ne havas kaŭzon por plendi.

Tiu ĉi malnoblulo estas prava, almenaŭ pri mi, flustris al si maldolĉe Zargov.

— Ha aŭdu, reparolis denove la defendanto de Zargov, unu nova afero, regalu ! Mia kliento petis de mi konsilon ĉu li devas komenci kriminalan proceson kontraŭ la via ?

Ĉu pro kalumnio ? Mi scias. Sed li ne havas seriozajn pruvojn, li perdos tie...

Pri tio ĉi ankaŭ mi neniel dubas... Sed li estas tre kolerigita...

— Kompaton, konsilu lin komenci tiun proceson. Belega okazo por senplumigi ankoraŭ mian anason.

— Bone, ni komencos ĝin. Mi revenĝas min kaj havigas al vi brilan venkon. Ĉu vi vidas ? Nia afero estas : « Konsenta monaĥaro manĝas viandon dum fastotago ».

— Mi dankas... Sed vi kun la sinjorino estos en Gorna Banja? Ni atendos vin tie.

— Precize je la deka horo matene. Nur vi hodiaŭ tro babilegis, karulo, kaj permesis al vi antaŭ nelonge tiajn delikatajojn...

— Mi respondis la viajn... Nia profesio estas tia. Disputo de remistoj.

Ambaŭ ridis.

— Ni ne ploras sur fremda tombo, kompreneble, reparolis la defendanto de Zargov. Kial sangi pro fremdaj aferoj ? Ni estas kiel la kuracistoj : kiom ilia koro doloras pro la klientoj, kiujn ili mortigas, tiom valoras ankaŭ la venenigo de la niaj. Ni disputaĉas nur por ŝmiri la okulojn...

— Kiaj doloroj, tiaj ploroj... Sed prezentu al vi, tiuj senspritegulaĉoj kredas nian malpacigon serioza afero. Kiom vi intencas eltiri de la via, por lin defendi ĉe la nova proceso ? Jen, vi savos lin de « sesjara malliberigo »... Ruzulo ! Mi volas procenton de tio, kion vi ricevos... Alie mi ne konsilos la persekuton.

— Ne ribelu do : kio estas promesita, estos donita... Zargov flankiĝis de la pordo. Li ekiris al la elirejo de la koridoro, serĉante iun. En tiu momento montriĝis renkonte al li de la alia koridorkurbiĝo lia kontraŭulo Jordanov. Lia vizaĝo estis paliĝinta pro kolero. Depost tri jaroj ili trenas sin en juĝejon kaj kiam ili okaze renkontis sin, la rigardoj silente interŝanĝis fajrerojn de profunda malamo kaj sovaĝa furiozo. Ankaŭ nun ili estis palaj pro kolero kaj iliaj lipoj tremis.

Zargov decide renkontis Jordanov'on.

Jordanov ! mi proponas pacigon je kiaj kondiĉoj vi volas ! diris li kaj donis al li sian manon.

Sinjoro Zargov, mi dankas, vi prenis miajn vortojn el la buŝo... diris Jordanov kaj premis forte la donitan al li dekstran manon.

Ili ambaŭ rigardis sin reciproke mirigitaj de sia bona volo kaj preteco por pacigo.

Por ke vi povu klarigi al vi, kial mi unua faras tiun proponon kaj tiom malfrue diris Zargov, mi devas komuniki al vi eksterordinaran okazon : nun, starante tie, mi aŭdis trans tiu pordo...

Kaj mi aŭdis trans la alia... interrompis lin Jordanov. Venu kun mi hejmen.

Kaj ili malsupreniris rapide sur la ŝtuparo.

Nur iliaj advokatoj aŭdis la rezolucion.

(Trad. I. H. Krestanov.)



# La Limoj de l'Efikeco de Ŝtato

De A. Keller.

La efektivigon de aro da homaraj taskoj malhelpas nuntempe certa priŝtata ideo, kiu regas la nacian vivon. Politike ĝi esprimiĝas per la doktrino pri la *ŝtata suvereneco*. Tiu priŝtata ideo aperas kiel nepra postulo, ne devenanta de historia evoluo, sed pretendanta filozofe moralan valoron. Tio fariĝas despli senindulge, ju pli la moderna ŝtato estas atingata de l' nove konstruanta nacieca volo. La kreskintaj ŝtatoj multe malpli devas pravigi sian estadon per tia ŝtatkoncepto, ol la kreitaj statformaĵoj de la lasta tempo.

Tiurilate ni nun observas revivigon de la filozofa priŝtata ideo, finkonstruita de Hegel. La nuntempa *ŝtata* absolutismo, ankaŭ tie kie malaperis la mezepoka difavoreco, posedas perajn aŭ senperajn radikojn en tiu idearo, el kiu Hegel starigis senmankan sistemon.

Temas pri vera ŝtatmistiko. La ŝtato tie bazas nek sur la principo pri la leĝeco de sia regado, nek sur *contrat social* (kontrakto inter popolo kaj estraro), sed sur la interna racio, sur la logiko de l' mondhistoria proceso mem. Ne la suverena volo de estro ĉi tie deklaras sian volon, sed la spirito, la racio mem diktas : *L'Etat, c'est moi*. La ŝtato estas la racio mem, objektigita spirito, eĉ dia volo, laŭ tio, ke tiu en la historia proceso atingas konscion.

Per tiu absolutiĝo de la ŝtato, ĝia regno kaj interesaro streĉiĝas senmezure. En la svisa ŝtataro oni neniam spertis tiun danĝeron. Kontraŭ tio ĝin protektis la koncepto pri libereco kaj la demokrata historio. Sed tiu priŝtata ideo refoje fantomas tra la mondo, eĉ kie ĝi surmetas filozofan vestaĵon. Ĝi troviĝas ĉie, kie la ŝtata vivo baziĝas sur la absoluteco de diktatora persono aŭ naciisma aŭ sociala pretendo, anstataŭ sur libera kompromiso de la politikaj fortoj, do sur *contrat social*. Kie ajn en kunvivado la relativeco de la historiaj formitaĵoj kaj de la homaj postuloj estas forgesata aŭ malatentata, tiu absolutismo levas la kapon kaj identigas sin je plej altaj valoroj.

La rememoro pri la limoj de ŝtata efikeco povas eliri, ĉu de la ideo pri la personeco ĉu de tiu pri la komuneco. Per sia potenco la ŝtato etendiĝas profunde en la personan sferon. Ĝi limigas la personecon per la postulo de l' komuneco. Sed ankaŭ la personeco, ne jam la individuo, limigas ĝin per postulo de pli alta kvalito. La personeco povas kaj devas voli la ŝtaton nepre laŭpove, jam tial, ĉar la viva personeco bezonas kuneston, sed plej persona spirita vivado nek volas nek povas ĉiurilate formiĝi kaj limiĝi per la ŝtato. La libera animo, la konscienco ĉiam sentu sin suverena eĉ kontraŭ la ŝtato. La parolo, adaptita je ĉi tiu problemo, « je kio utilus la homo, se li vivus en la plej bona kaj potenca ŝtato kaj havus malutilon je la animo », senĉese havigis al la ŝtato limojn, trans kiuj ĝi ne povis tuŝi tiun internan suverenecon, la veran homan dignon. Kie tiu estas ofendata de la ŝtato, kie la *droits de l'homme* estas fakte anstataŭataj de la droits de l'Etat, tie okazas revolucioj. Neniu neos ke de multaj nuntempaj ŝtatoj tiaj homrajtoj estas piedfrapataj, kaj malkonfesataj la ne perdeblaj valoroj de la spirito. En iuj plendoj de gentaj malplimultoj laŭtiĝas ne nur nacia postulo, sed la vekrio de la spirito, kiu anoncas sian rajton je libereco, gepatra lingvo kaj precipe konscienca kaj religia toleremo.

Vinet diris iam : « L'Etat, c'est l'homme, moins la conscience ». Fakte, ni eble parolas pri la honoro de l' ŝtato, sed apenaŭ pri ĝia konscienco. Sed la individuo havas konsciencon.

Iu religia animstato povas estigi la *sacrificium conscientiae* (oferon de l' konscienco). Ĉar tio estas la morala morto. Ĉi tie limo de la ŝtato estas precize kaj evidente montrita. Estus bone, se la ŝtato tion ekkonus mem, ekz. kontraŭ la servorifuzantoj. Ĉi tie la majesto de la konscienco staras kontraŭ la majesto de la ŝtato. Tio estas tiu vera malkonkordo, kiu ĉiam ekzistas kaj precipe inter individuo kaj komuneco. La vera historia progreso rezultas nur el la paralelogramo de tiuj du fortoj, kiuj fiksas kaj limigas sin reciproke, el nura raba kaj potenca ŝtato, precipe pro la influo de tiaj plej internaj spiritaj postuloj, en la komunecan ideon.

Sed la moderna kulturŝtato bazas ne nur sur la politika volo de siaj anoj, sur la morala forto de la individuoj, kiuj ĝin deziras, sed ankaŭ sur la krepovo de la spirito. Tiu tamen apartenas nur al la individuo. Kreemaj estas nur la spirito kaj la amo. Sed tiuj estas la sankta templo de la personeco. Do, la ŝtato kiu volas ne nur estri, administri, sed produkti kulturvalorojn, devas ne nur protekti la individuon, sed kontraŭ lia krepovo okaze limigi siajn proprajn postulojn. La moderna diktatoro same kiel la komunisme tirana ŝtato ne faras tion. Ĝi postulas ne nur senliman potencon, sed ankaŭ plenan aŭtoritaton pri la kritika, morala kaj krea povo de siaj anoj. Ĉu la ŝtata socialismo, pli saĝe agadus, estas grava demando kontraŭ la povo, kvazaŭ el nura ideo novkonstrui la ŝtaton. La ŝtatsento de la popoloj tre malsame reagadas kontraŭ tiuj postuloj de la individuo. Eble nenie pli forte ol en Anglujo, kie la akto *Habeas corpus* * protektas ankaŭ la spiriton.

Tamen la ŝtato estas limigata ne nur per la individuo, sed ankaŭ per la valoro de plia komuneco. La homa bezono celas pli perfektan kaj pli ampleksan komunecon ol la ŝtato povas havigi. La antaŭa ŝtatvolo pliampleksigis siajn limojn pro deziro je potenco. La nuntempa ŝtato per sia kulturvolo estas instigata, mem malplivastigi la limojn de sia potenco. Jam ĉiuj internaciaj kontraktoj signifas memlimigon de la ŝtato. La komuneco de la homoj kreskas nehaltigeble. Same rilate ekonomion kiel ankaŭ kulturon kaj religion. Tiel aperas taskoj antaŭ la homaro, kiujn la ŝtato nepre ne povas solvi. La plej gravaj problemoj de la nuna tempo necesigas malpli ŝtatan konscion ok kulturan. Tiu komuna kultura konscio forigas la malnovan koncepton pri suvereneco. Frakasiĝas ĉe la taskoj de popolara komuneco. Ili estas tro gravaj por la nura ŝtato. Kiu ŝtato estas do nuntempe suverena kontraŭ la malarmiga problemo aŭ eĉ nur politike kaj militiste majstras ĝin ! La sociala paco, la distribuo de krudmaterialoj, la elmigrado, la reguligo al la internaciaj ŝuldoj — ĉi tiuj novaj problemoj estas limoj al la ŝtatsuvereneco, ĉu ĝi tion konfesas aŭ ne. Tamen tiu limigo de suvereneco je ne estas sekvo de malvenko aŭ humiligo. Fakte ia perdo je honoro ne okazis. Sed el la suvereneco en tuta aro da fakoj estiĝas ia mandato de komuneco pli ampleksa. Tiusence la Ligo de Nacioj signifas ne nur intencitan memlimigon de la ŝtatoj, sed samtempe plivastigon al la limoj. Ĉar per la potenco de siaj ideoj, per sia spirita produktado, per la kuraĝo kaj respondemo de siaj ŝtatestroj, nuntempe popolo multe pli profunde influas fremdan teritorion, ol la potencemo de ŝtatoj en pasinto iel ajn kapablis.

Praktike estas malfacile fiksi tiujn limojn eksteren kaj internen por apartaj okazoj. Sendube ne malmulte da nuntempaj diskutadoj signifas seriozan provon, korekte fiksi la limojn inter la personeco, la ŝtato kaj la ekestanta popolara komuneco.

(Tradukis EJUNA.)

* Tiu fama akto garantias la individuan liberecon, submetante ĉiun arestadon al iu kontrolo kaj tiel forigante ĉiun misuzon de la polica potenco; ĝi datas de la jaro 1679-a kaj eĉ estas la sekvo de multe pli malnovaj garantioj.

# Turismo

## Bingen am Rhein

Ideala vojaĝo ne nur por germano estas tiu sur la Rejno. Supoze ne ekzistas dua rivero sur tiu globo, kiu estas tiom prikantita kiel la Rejno. Legendoj sennombraj ligiĝas al ĝi. Rava estas la vojaĝo en la komfortaj ŝipoj de Mainz ĝis Köln.

Survoje kuŝas en idilia situacio, ĉe enfluo de rivero Nahe en Rejnon la malnova urbo Bingen konata pro ĝia Muso-turo en la rivero pri kiu rakontas malnova fablo. Proksime estas la nacia monumento sur Niederwald. Vinamantoj memoru ke ĉe Bingen kreskas sur monteto la fama Scharlachberga vino, delikata produktaĵo.

Kongresanoj kiuj venas de oportuna direkto neniel manku viziti Bingen. Tion akcelas ankaŭ bele ilustrita gvidfolio faldprospekto en Esperanto, eldonita de la loka trafika societo. Resuma historio de la urbo, informoj pri la restado, interesaĵoj, k.t.p. kaj ses bildoj formas la tuton. Oni povas ĝin postuli rekte de la Verkehrsverein (Trafika Unuiĝo), Bingen am Rhein, Germanujo.

## Kopenhago

« Kopenhago la ĉefurbo de Danlando, la urbo de la belaj turoj », estas titolita bela faldprospekto, 23 cm alta, 11 cm larĝa (etendita 54 cm, duflanke presitaj). La presaĵo informas koncize pri la dana metropolo, pli kaj pli celo de turistoj. La distanco ekzemple de Berlino al Kopenhago estas naŭ horoj. Valoras atentigi, ke Kopenhago prezentas multe da belaĵoj, kutime ne konataj al alilandanoj. La harmonia sintezo de malnova kun nova urboparto, aro da originalaj konstruaĵoj, speciale la memorpreĝejo de Grundtvig igas tiun ĉi urbon alloga kaj impresiga. Ankaŭ ne sufiĉe konata estas, ke Kopenhago disponas je variaj distraĵoj kaj plezuraĵoj, kutime nur troveblaj en milion-urboj. Kaj la dana kuir-arto povas esti nomata « *la franca de la Nordo* ».

La faldprospekto estas eldonita de la Turistföreningen for Danmark, Vestre Boulevard 18, Kobenhavn V., de kie oni povas ĝin ricevi.

Estas bedaŭrinda ke ĝis nun ne okazis universala kongreso de Esperanto en tiu ĉi interesa kaj monduma urbo. Eble dum la sekvontaj jaroj, la samideanoj danaj trovos la kuraĝon kaj energion por invitigi la kongreson.

## Aŭstrio

Kvarlingva surskribo — Oesterreich - Autriche - Austria - Aŭstrio — ornamas la novan varbilon de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko. Faldprospekto en la kutimaj mezuroj kun naŭ bildoj en blua preso invitas al Aŭstrio, lando kiu nun altiras fremdulojn pro la konstelacio nuna. La tekstpaĝo komencas per Venu Aŭstrion kaj estas citataj 30 argumentoj, kial oni venu Aŭstrion. Inter tiuj argumentoj *venu, venu* kaj *venu* estas ankaŭ « Venu Aŭstrion je vizito de la Internacia Esperanto-Muzeo » k.t.p. La eldono (5000 ekz) estas dediĉita al la Jubilea Kongreso.

Tre praktika estas la ĉiama aldono de geografia karto, mezuro 1 : 1.500.000. La nuna karto indikas per konvenciaj signoj la restadlokojn la sportejojn, permontra instruado al nesciantoj. Entute bela kaj utila presaĵo. Ni danku al Min.kons. inĝ. Deinlein pro la eldono. Oni povas ĝin ricevi pere de la Internacia Esperanto-Muzeo, Neue Burg, Wien 1, kune kun alia pri Wien kontraŭ alsendo de 1 respondkupono.

## Ekskursoj sur Lago de Como

La Esp. grupo organizas por la 2-a de Julio tuttagan ŝipekskurson sur Lago de Como.

Petu detalan programon de S-ro Castiglioni, Via V.E. 28, Como (Italujo).

# Diversaĵoj

## JARA MESAĜO DE LA INFANOJ DE KIMRUJO

*La teksto de la Mesaĝo estas konigita al kaj aprobita de la infanoj en la lernejoj de Kimrujo. La Mesaĝo estis disaŭdigata de radio-stacioj en diversaj landoj, je la Tago de Bonvolo, 18a de Majo (datreveno de la unua oficiala packonferenco dum tempo de paco — la unua konferenco en Ĥago, kiu malfermiĝis je la 18-a de Majo, 1899). Nun en multaj landoj, en la lernejoj oni okazigas solenaĵon por akcepti la Mesaĝon (ne ciam akceptitan per radio, komprenebl̈e) kaj forsendi respondon. La infanoj de Kimrujo ĝojos pri ĉiu respondo de iu infano, lernejo, junulargrupo, k.t.p. kiu iamaniere ricevis la Mesaĝon. Adreso de la centrejo : S-ro Gwilym Davies, 10 Museum Place, Cardiff (Britujo).*

Geknaboj de ĉiuj nacioj ! Ni, infanoj de Kimrujo, ree sendas al vi per radio nian plej fratan saluton. En tiu ĉi printempo 1933, estas en la mondo milionoj da infanoj malfeliĉaj, ĉar iliaj patroj kaj fratoj estas senlaboraj.

Ni ne komprenas kial estas tiom da ĉagreno en tiel bela mondo, tiom da malriĉeco en mondo tiel riĉa.

Ni kredas ke tio ne povus okazi, se ĉiuj nacioj al kiuj ni apartenas, volus vivi kaj labori kune, kiel membroj de unu sama familio, fidante unu al alia kaj kunĝojante la trezorojn de la tero.

Ni ankaŭ kredas, ke per niaj pensoj ni povas helpi enkonduki tiun novan senton en la mondon.

En tiu ĉi Tago de Bonvolo, ni, milionoj kaj milionoj da infanoj, unuiĝu en granda streĉo al paco : paco inter homoj, paco inter nacioj. Forton donas la fido; ni fidu, kaj tiel ni transformos la mondon !

## La Nova Helpepiskopo de Praha

### dro Ant. ELTSCHKNER

*la unua episkopo-esperantisto en la tuta mondo.*

D-ro Ant. Eltschkner eklernis E. en j. 1924 en kurso de la « Ĉeĥoslovaka Esperanto-Instituto » en Praha. En j. 1925 li aliĝis al esperanta sekcio de la « Katolika konsilantaro ». En j. 1926 li estis elektita prezidanto de la « Unuiĝo de katolikaj esperantistoj en Praha ». Fariĝinte en j. 1927 metropola kanonika katedralo de St. Vito en Praha li komencis propagandi esp-on en altaj ekleziaj rondoj ĉsl.

En j. 1929 li kunfondis « Ligon de katolikaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakujo » kaj fariĝis ĝia prezidanto. « Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista » nomis lin membro de sia « Internacia komitato ». En la sama jaro li plene sin dediĉis al peresperanta propagando de miljarfesto de St. Venceslao. Persone li direktis la preparajn laborojn por la XVI. internacia kongreso de katolikaj esperantistoj en Praha 1929.

D-ro Ant. Eltschkner reprezentis la propagandan esperantofakon en « Komitato por la miljarfesto de St. Venceslao », kiu eldonis esperantlingvan broŝuron pri St. Venceslao kaj belegan afiŝon kun esperantlingva teksto. La unuan publikan paroladon en flua esp-o li faris ĉe malfermo de la XIV. internacia kongreso de kaltolikaj esperantistoj en Praha, aŭgusto 1929, kore bonvenigante la kongresanojn. Dufoje, la 16an de marto kaj la 12an de oktobro 1930 li faris elokventajn predikojn en esp-o en la preĝejo de St. Ursula en Praha.



En j. 1931 li subtenis la propagandvojaĝon de la Prez. de IKUE, P. Font Giralt el Gerona. (Hispanujo) tra ĈSR.

En j. 1932 li fondis du monpremiojn por la « II. Internaciaj Katolikaj Esperantistaj Floraj Ludoj ». En februaro 1933 li ricevis el Romo dekreton de episkopo en Zefirio kaj helpepiskopo en Praha. Lia episkopa Moŝto, D-ro Ant. Eltschkner estas prezidanto de la « Ligo de katolikaj esperantistoj en ĈSR » kaj de la « Klubo de katolikaj esperantistoj en Praha ». En lia personeco havas la esperantistaro la unuan esperantistan episkopon en la tuta mondo, kiu perfekte parolas nian lingvon kaj kuraĝe laboras por ĝia praktika disvastigo.

*(El « Ligilo », ĉeĥoslov. esp. gazeto.)*

# Cseh-kursoj

### Nederlando

Per komuna festo finiĝis la Csehmetodaj kursoj, kiujn F-ino M. Saxel el Berlino laŭ iniciato de la « Frisa Esperantista Rondo » dum la pasintaj tri monatoj gvidis en la tri frisaj lokoj Leeuwarden, Heerenveen kaj Sneek. Ĉeestis 240 personoj. Dank' al la mirindaj instrutalentoj de tiu ĉi Csehinstruistino la progresoj estas tre kontentigaj. Preskaŭ seneraraj « paroladetoj », « poemoj » kaj deklamaĵoj pruvis tion.

La anoj de la F. E. R. prezentis memverkitan « revuon », kiu aludis la finitajn kursojn, propagandis por la kolonja kongreso k.t.p. Ĉio bonege sukcesis.

P. H.

### Danlando

D-ro A. Mildwurf venis en Januaro al Danlando. En *Aalborg, Brönderslev, Stovring* kaj *Vraa* li instruis dum Februaro kaj Marto. Pli ol 70 p. ĉeestis la kursojn. En Brönderslev oni fondis novan klubon post la kurso. En ĉiuj lokoj la instruado estas daŭrigata de lokaj samideanoj.

En Aprilo venis D-ro Mildwurf al *Grenaa*, kie li sukcesis starigi kurson kun 30 p. La loka delegito S-ro Möller faris grandan preparlaboron. Post la kurso estos refondita la antaŭa Esp.-grupo en Grenaa.

F-ino Ica Galambos, Budapest, venis el Latvujo al Danlando en Januaro laŭ invito de la klubo en *Odense*. Kun la lokaj samideanoj ŝi faris sukcesan propagandon. Rezulto : unu vespera kurso kun 30 p. kaj unu posttagmeza kurso por senlaboruloj kun 50 p. La lastan subvenciis la urba kaso.

Poste iris F-ino Galambos al *Silkeborg*, kie ŝi sukcesis kolekti 40 kursanojn. Ŝia vigla instrumetodo entuziasmigis ĉiujn kursanojn. La loka klubo ricevis multajn novajn membrojn.

Nun restas F-ino Galambos en *Haderslev*, kie ŝi per la helpo de instruisto S-ro Frey sukcesis starigi kurson kun 32 p. Post la kurso estos fondita grupo. Tiam F-ino Galambos iros al Randers.

Dum 10-20 Julio okazos libertempaj E kursoj por ge-instruistoj en Silkeborg. Gvidas F-ino Saxl. Eksterlandanoj povas partopreni. Ĉiujn informojn petu de L. Friis, Frodesvej 21, Aabyhöj (Danlando).

### Francujo

F-ino Lidja Zamenhof kiu tiel sukcese gvidis kursojn en Lyon kaj Belfort, komencigis novan kurson en Saint-Etienne. La provlecionon partoprenis 300 personoj, mankis seĝoj por ĉiuj. La kurson partoprenas 110 personoj. — (L. Thevenin).

*Bois-Colombes.* — Kurso de S-ino Lizzie Morariu por 40 komencantoj.

*Paris.* — Kursoj de Tiberio Morariu por 40 komencantoj en publika grupo; ejo « Globe-Trotter » kaj por 50 studentinoj de la Komerca Altlernejo Knabina.

T. Morariu gvidis ankaŭ superan seminarion en Sorbonne por 30 p.- Li ekgvidos novan komenckurson pentekoste en Montmartre.

*St. Germain.* — Kurso por komencantoj sub la konduko de S-ino Lizzie Morariu. — La kursojn de la sveda-rumana instruista paro partoprenas, krom francoj, angloj, belgoj, italoj, ĉeĥoslovakoj, rusoj kaj svisgermanoj.

# Kroniko

### Portugal

*Lisboa.* — La 9-an de Aprilo, la bela kaj pentrinda ĉefurbo de Portugalujo estas vizitita de Prof. Odo Bujwid, pola komitatano de UEA, malnova, vigla kaj lerta samideano, kiu, tuj post sia alveno, sukcesis rapide kapti la simpation de ĉiuj samideanoj atendantaj lin.

Ĉirkaŭ 400 geekskursantojn surŝipe « Polonia » kunportis kaj tiel propagandis D-ro Bujwid dumvojaĝe, ke multaj el ili povis kompreni la amikajn salutojn de la portugalanoj.

La Direktoro de la Turisma Servo de la Polico oficiale konsentis deĵoron de policisto esperanta apud S-ro Bujwid dum la tuta tago de la vizito.

### Polujo

*Kraków* : La esperantista vivo disvolviĝas en nia urbo tute kontentige. El pli gravaj okazintaĵoj estas menciindaj :

Tri prelegoj de negro S-ano Kola Ajayi aranĝitaj de « Societo Esperanto » kaj « Pola Esperantista Klubo », kiujn vizitis ĉirkaŭ 500 personoj.

En karnavalo okazis sub auspicio de « Societo Esperanto » dancvespero, kiu apartenis al plej simpatiaj en nia urbo.

Signifplena kaj amuziga estis literatur-muzika vespero, aranĝita de « Pola Esperantista Klubo ». Krome « Societo Esperanto » aranĝis jenajn esperantlingvajn prelegojn :

En februaro 1933 : « Niaj planoj por estonteco » (S-ano Ortsmann), « Rememoroj el gimnaziaj tempoj » (S-ano Lichtenstein), « Propaganda vojaĝo de S-ano Kola Ajayi en Polujo » (S-ano Zajaczkowski), « Internacio de ŝakaloj » (S-ano Kuhl). En marto : « Eĥoj de radioprelegoj » (S-ano Hodakowski), « Diskuta parlamento » pri novorganizaj problemoj. En aprilo : « Gaja vespero s. t. Internacia rideto ».

### Aŭstrio

La Ĝeneraldirekcio de Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj eldonis lastjare rekription, per kiu la konduktoroj — se ili deziras deĵori ĉe rapidtrajnoj — devas scii duan lingvon aŭ Esperanton.

En Marto 1933 la Ĝeneraldirekcio nun aranĝis ekzamenojn pri scio kaj parolkapableco en la diversaj lingvoj kaj Esperanto kaj tiu ekzameno estos ripetata ĉiujare, por ke la deĵorantoj ne forgesu la lingvojn. Anoncis sin por la ĉiujara ekzameno en la stacioj Bruck 22, Graz 39, Wien 47, Amstetten 17, Linz 66 kaj Salzburg 2. Ekzamenkomisaro estis Oberrevident Heinrich Bausbach de la direkcio Villach.

Aliaj landoj imitu.

St.


Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 28**

**Administra jaro 1933 Majo 1933**

**Bankkonto:**
**Société de Banque Suisse**
(Schweizerischer Bankverein), Genève.
*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Bilanco* 1932. — La Komisiono de UEA kunveninta dum Pasko en la Centra Oficejo ekzamenis la bilancon por 1932. La du Komisionanoj ŝarĝitaj per tiu ĉi tasko faris la jenan konstaton :

*La subskribintoj kontrolis la ferman bilancon kaj la bilancan Perdo-Gajnon 1932, komparis en kadro de ebleco la ciferojn kun la pruviloj kaj la konteltirojn de bankoj k.t.p. kaj konstatas plenan ordon en la kalkulo kun danko al la Direktoro kaj la kasistino por la plenumita laboro komplika kaj respondecplena, rekomendante ties malŝarĝon.*

Genève, 14 Aprilo 1933.

Johannes Karsch, *Vicprezidanto de UEA.* Fritz Rockmann, *Komisionano de UEA.*

La Komisiono elektis por la kutima kontrolo S-ron Camille Rogister, eksperto pri librotenado.

*Stato de l'membraro.* — Je la fino de monato Aprilo 1933, la Centra Kaso registris la kotizojn de : 238 Helpmembroj, 1832 Membroj, 2822 Membro-Abonantoj, 475 Subtenantoj. Kune do pagis por 1933 : 5367 Anoj. (31.4.1932 : 6225 pagintoj.)

*Kongreso de UEA.* — La Komisiono de UEA decidis okazigi la 19-an Kongreson de UEA kune kun la 25-a Universala. Programo pri la kunvenoj aperos pli poste.

*Perado de kotizoj.* — Pro profesia tro-okupo nia peranto por Francujo, D-ro Louis Poncet en Bourg (Ain) demetis tiun-ĉi funkcion. La membroj en Francujo estas cirkulere informitaj pri tio. De nun ĉiuj administrajoj, informoj k.t.p. estu sendataj denove al la Centra Oficejo en Ĝenevo. Pagojn oni faru per nia poŝtĉeko en Lyon 221.76. Universala Esperanto-Asocio Genève.

*Jubileo* 1933. — Okaze de la jubileo de UEA alvenis aro da bondeziroj. Al ĉiuj gratulantoj ni diras koran dankon. Kortuŝa estas jena letero de Delegito en Penzig, Oberlausitz, Germanujo, kiu diras : « Al la 25-a jubileo en UEA mi sendas plej koran saluton kaj bondeziron. Mi estas fiera aparteni al tiu ĉi granda Asocio kaj promesas ĉiam labori por ĝi kvankam mi estas senlabora. UEA vivu, kresku kaj floru ». Karl Nejedli, Delegito.

*Teritoria Kunveno en Britlando.* — Okaze de la 24-a Brita Kongreso en Oxford, je Pasko, la britaj membroj kaj delegitoj de UEA kunvenis dimanĉon posttagmeze, 16-an de Aprilo, en la salono de la Hotelo Randolph.

Prezidis S-ro *W. H. Hirst* el Huddersfield. La Teritoria Sekretario, S-ro *F. E. Wadham* prezentis raporton pri la stato de UEA en la Teritorio, sciigante, ke jam estas registritaj 386 kotizoj por 1933 kaj ke la nombro de la delegitoj restas proksimume kiel antaŭe. Sekvis vigla diskuta pri Novorganizo, en kiu partoprenis oficistoj de Brita Esperantista Asocio, S-ro Wadham respondis al ĉiuj demandoj kaj defendis la vidpunkton de la gvidantoj de UEA.

Post la fermo de la afera kunsido, la ĉeestantoj aŭskultis paroladojn de tri eksterlandaj samideanoj. S-ro *Kaŭada* el Tokio parolis pri sia mondvojaĝo per aŭtomobilo kaj Esperanto, S-ro *A. Caubel* el Dunkerque (Francujo) pri la tie okazonta kongreso de la Nordfranca Federacio, 1-2 Julio, kaj laste sed ne malpli grave la ĉarma kaj genia *Andreo ĈE*, kiu amuze rakontis pri la cirkonstancoj de la akiro de la fama Esperanto-Domo en Arnhem laŭ la « hispana etiketo ».

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 15.600.— |
| 53 S-ino Jane B. Henry, Fairfield, Vic. Aŭstralio | | 300. |
| | Frk. Svis. | 15.900.— |

*En la letero, per kiu S-ino Henry aliĝas kiel Dumviva Membro ni legas : Ni esperas, ke baldaŭ la trankvileco venos al UEA, kiun ni rigardas kiel stelon en malluma ĉielo. Jane B. Henry.*

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G. K. de UEA arajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

*Jara kontrolo.* — Je la 20-a de Majo S-ro Camille Rogister, eksperto pri librotenado kontrolis la bilancon 1932. Post farita kontrolo li faris la jenan enskribon :

Mi, kiel la antaŭaj jaroj ekzamenis la bilancon kaj konton de Perdo-Gajno de la jaro 1932. Leginte la laŭdan aprobon donitan de la Paska komisiono al la Direktoro kaj librotenistino, mi sincere aliĝas kaj subskribas ĝin. Mi ankaŭ gratulas pri la klara kaj zorga librotenado, kaj speciale pri la jam faritaj ŝparoj. La ciferojn kaj kalkulojn mi kontrolis kaj trovis ĝustajn.

Ĝenevo, 20an de Majo 1933. Camille Rogister.

*Subtenantoj de UEA* 1933. — Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

*Kvara listo :*

401. S-ro Reinhold Schöne, Eibenstock.
402. S-ro Gil. Ching Chou, Singapore.
403. S-ro Eugen Wüster, Wieselburg.
404. F-ino Louise Ziwutschka, Wien.
405. S-ro Joseph Witkowski, Ranville.
406. S-ro Edmond Lefebvre, Viroflay.
407. S-ro Charles Tiard, Paris.
408. S-ro Léon Ozouf, Le Vézinet.
409. S-ro Polgar, Paris.
410. S-ro Josef Sahler, Honnef a/Rh.
411. S-ro Eugène Vonnez, Genève.
412. S-ro S. Miedema, Leeuwarden.
413. D-ro Prof. A. F. Holleman, Bloemendaal.
414. S-ro J.v.d. Steur, Voorburg.
415. S-ro H. J. Harms, Duivendrecht.
416. S-ro H. Menalda, Dragten.
417. S-ro James T. Haxton, St. Andrews.
418. S-ro A. Mc Donald, London.
419. S-ro William Brown, Inglewhite.
420. F-ino A. L. Borel, London.
421. S-ino V. G. de Corral, Buenos-Aires.
422. S-ro René Geerinck, St. Niklaas.
423. S-ro Pál Tolnai, Budapest.
424. S-ro Endre Féjer, Debrecen.
425. S-ro A. de Figueiredo Simoes, Setúbal.
426. S-ro M. F. Palma, Setúbal.
427. S-ro Dančika Nikolić, Beograd.
428. S-ro Alfred Rivier, Alger.
429. S-ro Harry Hawker, Bronx.
430. S-ro Edwin L. Clarke, Winter Park.
431. S-ro St. E. Kittredge, Harford.
432. S-ro André Schild, Basel.
433. F-ino Yukiko Isobe, Tokio.
434. S-ro Franz Braun, Rodaun.
435. S-ro E. G. Bernfeld, Wien.
436. S-ro Jakob Uhlmann, Wien.
437. S-ro Franz Linsbauer, Wien.
438. S-ro Nikolaus Hovorka, Wien.
439. S-ro Joseph Pich, Kaltenleutgeben.
440. F-ino Maria Letfuhs, Wien.
441. S-ro Boleslaw Zmuda, Siedlce.
442. S-ro Jakob Ŝapiro, Bialystok.
443. S-ro John Farrand, Cheadle.
444. S-ro M. de Waard, Rotterdam.
445. S-ro van Beek, Soest.
446. S-ro C. Pot Azn. Slikkerveer.
447. S-ino Elise Boden, Görlitz.
448. S-ro Fr. Westphal, Wiesbaden.
449. S-ro Josef Bamberger, Mörs.
450. S-ro D-ro Kraner, Dresden.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Britlando**

*Potters Bar* (Middlesex). — D : Howard W. Smith, 11 Hill Crest.
*Wolverhampton* (Staffs.). — D : Fr. W. Hipsley, inĝeniero, 16 The Broadway, Codsall.

**Bulgarujo**

*Trakiec* (Haskovsko). — D : K. Koljazov Koljo, instruisto.

**Ĉeĥoslovakio**

*Bánovce nad Bebr.* (Slovakio). — D : F-ino Margit Feldmannová, instruistino, Štat. mešt. škola.
*Cebiv* (Bohemio). — D : S-ino Reta Vogelstanzová, staciestrino, Nádrazi.
*Dolni Lhota ap. Blansko* (Moravio). — D : František Jakubec.
*Görkau* (Bohemio). — D : Stefan Wabra, Lindenstrasse 725.
*Novy Jičín* (Moravio). — D : F. Pokorny, Zámecká 24.
*Rozmitál pod Tremšinem* (Bohemio). — D : František Lang, No. 238.
*Zvolenska Slatina* (Slovakio). — Ján Baculík, fervojisto, No. 176.

**Francujo**

*Lourdes* (Ht-Pyr.). — D : S-ino M. Le Bondidier, Château Fort.

**Germanujo**

*Eberswalde* (Brandenburg). — D : Martin Weitland, Eisenbahnstr. 64.
*Wesel* (Rheinland). — D : Bernh. Heselhaus, Breiter Weg 31.

**Hungarujo**

*Szeged* (Csongrad). — D. : Paulo Szöcs, Tisza Lajos krt. 3.
VD : Zoltán Koczondy, Deák Ferenc u.2.

**Portugalujo**

*Entroncamento* (Norte). — D : Miguel Simoés, Bairro Novo.

**Svislando**

*Münsingen* (Bern). — D : F-ino Lisbeth Lüthy, Alpenweg.
*Romanshorn* (Thurgau). — D : G. Stäheli, « Eigenheim » Salmsach.
VD : Fritz Schwab, doganisto, Eigenheim.

**Usono**

*Huntington Park* (California). — D : Arthur C. Hugg, dogana prokuristo, 308 Pacific Electric Bldg. *Los Angeles,* California.

*..La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plus estas D en jenaj lokoj :
*Britlando* : Ashton-under-Lyne; Enfield; Grantham.
*Hungarujo* : Kiskörös. *Nov-Zelando* : Auckland.
*Rumanio* : Reghin. *Svedujo* : Vingåker. *Usono* : Lakewood.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Marto 1933 | 2.033 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | — 8 lokoj |
| | 2.025 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.III.33. ĝis 15.IV.33 | + 18 lokoj |
| Stato je la 15 Aprilo 1933 | 2.043 lokoj |

Genève, 15 Aprilo 1933. *Direktoro de UEA.*




## Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

Estimata liganaro!

Goje ni povas sciigi al nia liganaro, ke S-ro Mouton, ŝtata konsilanto en Paris, afable akceptis la oficon kiel Prezidanto de nia ligo.

Li ne estas novulo en la esperantistaro tutmonda. Jam antaŭ dudek jaroj li laboris kiel apostolo laŭ la devizo : Esperanto en polica servo! En la tiama fakrevuo « Internacia Polica Bulteno de la Internacia Esperantista Policasocio », kvara jaro, Julio 1914, li skribis jenan : « Ĉiu policano, kiu penas lernante Esperanton, faras utilan agon por estonta trankvileco kaj komforto de ĉiuj homoj.

Ĉar malbonuloj agadas internacie, ni devas absolute aranĝi ion internacian. La mirinda lingvo Esperanto taŭgas perfekte por helpi niajn laborojn por tiu necesajo, kaj sekve por utili al funkciado de la interdecidota institucio.

La Bulteno de Internacia Policasocio tre interesa propagandilo estas. Propagando per laboro kiel vi faras, konkudos vin neeviteble al sukceso, tio estas : uzado de Esperanto en la tutmonda polico.

La favoro konsentita al vi de tri gravaj policestroj, multe devas fortigi vian certecon.

Al ĉiuj policanoj de la esperantista asocio mi diras : Bonajon vi faras, ĉar utilajon vi preparas! »

Ni bone scias, ke tiuj atentindaj kuraĝigaj vortoj ankoraŭ nun havas la saman valoron. Kiel nia Prezidanto S-ro Mouton helpos nin energie, antaŭenpuŝi nian movadon. En tempo antaŭvideble ni ricevos per lia helpo propran fakrevuon per daŭrigo eldonon de la « Internacia Polica Bulteno ». Elkore ni salutas nian altestimatan novan Prezidanton kaj bonvenigas lin kiel niar ligĉefestron.

En januara informilo ni petis niajn anojn, kiuj spite de ĉiuj malfacilajoj intencas partopreni fakan kunvenon dum la kongreso de Esperanto en Köln, anonci sian partoprenon. Rezultas el tio, ke iu ajn faka aranĝo ĉi tiu jaro ne estas eble. Ni nun devas provi, sen faka kunveno realigi nian jam zorge ellaboritan planon.

Nia ĉefkasisto A. Gräfe jene raportis pri la financoj el la jaro 1932. Laŭ tio nia ligo enspezis :

| | |
|---|---|
| Saldo el 1931 | 39.06 RM |
| Kotizoj | 398,65 — |
| Aliĝpagoj | 16,00 — |
| El vendado de ligaj insignoj | 7,00 — |
| entute | 460,71 RM |

La elspezoj estas :

| | |
|---|---|
| Abonpago al U.E.A. | 256,00 RM |
| Poŝtelspezoj de la direktoro | 59,40 — |
| Poŝtelspezoj de la ĉefkasisto | 3,98 — |
| Elspezoj de la redaktoro | 20,00 — |
| Elspezoj por propagando | 2,53 — |
| Kliŝoj | 18,90 — |
| Por la Zamenhofa monumento en Olomouc | 18,75 — |
| Presajo « Esperanto en polica servo » | 10,00 — |
| Tekstoj por U.E.A. jarlibro 1933 | 14.00 — |
| entute | 403,56 RM |

Laŭ tio restas saldo por 1933 de RM 57,15.

P. Teuchner,
*Admin. Direktoro.*

# La premioj de UEA dum la Jubilea jaro

## REGULARO PRI PREMIOJ

1) *Premion de frupago* rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31-a de Januaro (1933) por 1933.
2) *Premion de frupago* rajtas elekti ĉiu *nova* ano dum la daŭro de l'administra jaro de l'1-a Nov. 1932 ĝis 31 Oktobro 1933).
3) *Premion de varbado* rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio; plie kiu varbis reklamojn kaj anoncojn por la Jarlibro.
4) *Premion de Subtenanto* rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.
5) *Premion* tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.
6) *Premion* ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

## SERIO A: PREMIOJ POR FRUPAGO

La premioj por frupago kaj varbado plie la premio de *helpmembro* formas serion A kun subdividoj, kiuj rilatas al la kategorioj de membreco k.t.p. Elektante, sufiĉas citi ordan numeron.

### Membro (Varbo de membro, de entrepreno, 3 linia reklamo).

Helpmembro rajtas elekti unu premion el n-roj 1-20. Por varbo de nova helpmembro *ne* eksistas premio.

**1** Bildo de D-ro ZAMENHOF, kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktaĵo, 10,5×15 cm., brunkolora sur luksa kartono. Bela ornamo.
**2** Prof. NOTHNAGEL : *La Mortado*. Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer, Vieno. 15×23 cm., 28 paĝoj.
**3** SADOVEANU : *Nobela peko*. Novelo el la verkoj de la plej konata rumana prozisto. Trad. Tiberio Morariu, 12×17 cm., 64 paĝoj (Por 1933 elĉerpita).
**4** Gotth. Ephr. LESSING : *Natan la saĝulo*. Drameca poemo. Trad. Karl Minor, L.K. 11×16 cm., 208 pĝ. (El Nova Esperanto-Biblioteko).
**5** Karlo VERKS : *Elementa Fotografa Optiko*. Originale verkita en Esperanto. 12×19 cm., 80 paĝoj. (El Scienca Kolekto).
**6** J. S. MACHAR : *Benedek*. Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15×21 cm., 24 pĝ.
**7** E. DREZEN : *La vojoj de formiĝo kaj disvastiĝo de la Lingvo Internacia*. 11×14,5 cm., 64 pĝ. Kun kronologia tabelo de projektoj de Internacia Lingvo. Valora teksto. (Limigita provizo.)
**8** Abraham DREYFUS : *La vangfrapo*. Unuakta komedio. Trad. S. Sar. 12×18 cm., 52 pĝ.
**9** Emil ISAC : *Sonorilo kaj Kanono*. Poemaro en prozo. El rumana tradukis Tib. Morariu. 12×20 cm. 60 pĝ.
**10** Ludw. KRYSTA : *Pri la prononcado de Esperanto*. 11,5×16 cm., 30 pĝ. (Eldonaĵo de Mondlingvo-Eldonejo en Katowice.)
**11** Aleksandro DROZDOJ : *Krucumo*. El ruso lingvo tradukis N. Hohlov. 12×16 cm., 55 paĝoj.
**12** D-ro Leopold DREHER, L. K. : *Anekdotaro*. Studo per rido. Kun lingvaj klarigoj kaj tradukoj. (Provizo por 1933 elĉerpita).
**13** *Kongresa libro del' 17-a Kongreso de Esperanto*. 11,5×16,5 cm., 84 paĝoj. (Bela presaĵo laŭ formato de la Jarlibro.)
**14** *Esperantista dokumentaro : 14-a Universala Kongreso de Esperanto, Helsinki* 1922. 114 pĝ. Serio de la Esp. Centra Oficejo.
**15** *18-a Universala Kongreso de Esperanto, Edinburgh* 1926. Raportoj, protokoloj, statistikoj. 88 paĝoj.
**16** *19-a Universala Kongreso de Esperanto, Danzig*, 1927. Raportoj, protokolo, statistiko. 108 paĝoj.
**17** *22-a Universala Kongreso de Esperanto, Oxford*, 1930. Raportoj, protokoloj, statistiko. 140 paĝoj.
**18** Waldemar BONSELS : Ŝolandro. Traduko el verkaro de plej legata germana aŭtoro. Tradukis D-ro Sós † — 48 paĝoj 14×20 cm. Plie unu ekzempleron de « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
**19** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 14-a jaro 1926. 428 paĝoj.
**20** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 20-a jaro. 1932. 320 paĝoj.

### Membro-Abonanto : (Premio de frupago, al ĉiu nova MA dum 1933, por varbo de nova MA, de reklamo ¼ paĝa en Jarlibro).

**21** D-ro K. KALOCSAY : *Lingvo, Stilo, Formo*. Studoj pri vortfarado, poezia lingvo, elparolo, rimo, ritmo k. a. 13×19 cm., 142 paĝoj. (Eldono Literaturo Mondo.) — Limigita nombro!
**22** Francesco NITTI : *Eŭropo ĉe la abismo*. Kun bildo kaj antaŭparolo de l'aŭtoro. Trad. Robert Kreuz, L. K. 14×21 cm., 178 paĝoj.
**23** Jules ROMAINS : *Knock aŭ la triumfo de Medicino*. Komedio en tri aktoj. Trad. D-ro Pierre Corret, Akademiano. Franca spritaĵo unuaranga. 12×19 cm., 78 paĝoj. (Provizo por 1933 elĉerpita.)
**24** C. WALTER : *Gajaj Vesperoj*. Spritaĵoj, anekdotoj, humoraĵoj, diversaĵoj, reguloj por gvidantoj, program-konsiloj por grupkunvenoj, ludoj. 12×17 cm., 80 paĝoj.
**25** DE SÉGUR : *Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj*. Laŭ la germana traduko de P. Henriko Müller, S.V.D. — Esperantigis D-ro A. Halbedl. 12,5×20 cm., 210 paĝoj. — Eksterordinare bela premio, ordinara vendoprezo : Frk. svis. 3,50.
**26** D-ro Ad. FERRIÈRE : *Estonta Eduko*. Interesa kaj konvinkiga pledo por transformo de la nuna lerneja sistemo. Ne teda teksto sed viva legaĵo, tute ne banala aŭ supraĵa. Elegante aranĝita, 12×17 cm., 72 paĝoj, bela preso. (Serio de UEA.)
**27** Jan ZAWADA : *Adreslibro de pollandaj Esperantistoj kaj praktika informilo pri-esperanta*. 13,5×19,5 cm., 208 paĝoj. Unika tiaspeca libro, diligenta laboraĵo, bonega informilo. Pli ol 4.000 adresoj.
**28** S. GRENKAMP-KORNFELD : 5.000.000. 12×18 cm., 114 paĝoj Libro plenhumora, sarkasma, sentimentala kiu elvokis diversecajn kritikojn. Sed senescepte ĉiuj devis laŭdi ĝian lingvon, klaran bonan stilon (Por 1933 elĉerpita).
**29** Julio BAGHY : *Dancu, marionetoj*. Novelaro. 12×16,5 cm, 174 paĝoj.
**30** Robert KREUZ-Al. MAZZOLINI : *Komerca Vortaro en Esperanto*. 12×16 cm., 94 paĝoj. Enhavos 1400 vortojn kun klarigo.
**31** *La Nova Testamento*, eldono de la Brita kaj Alilanda Biblia Societo. Malgranda eldono, 7,5×12 cm., 358 paĝoj, bela preso.
**32** *Kolekto de 5 ŝlosiloj de Esperanto* (ICK-serio). Po unu : Araba, Japana, Juda, Persa, Ukraina.
**33** Katolika verketaro konsistanta el 4 libretoj : Papo BENEDIKTO X-a : *Kristo kaj la Ligo de Nacioj*. — FRANK : *La Patro*. — A. v. KRANE : *Graco atendanta, rakonto el la tempo de Kristo*. — Aldono : SAPPL : *Kiel oni fondas kaj organizas Esp. grupon*. — *Sume 5 broŝuroj*.
**34** *Kolekto de 25 turismaj presaĵoj en Esperanto*. Bela kaj taŭga por malgranda ekspozicio.

### Membro-subtenanto : (Premio por frupago, por nova Subtenanto 1933, varbo de nova Subtenanto, de ½ paĝa anonco en Jarlibro).

**35** Kas. SMOGORZEWSKI : *Pol-Pomeranio*. Trad. S. Grenkamp-Kornfeld. 17×25,5 cm., 132 paĝoj.
La verko priskribas la polan vidpunkton en la afero de la tielnomata koridoro kaj la provinco Pomeranio. Klara stilo, deca sinteno senofenda igas tiun verkon, instruan legindaĵon.

**36** VOLTAIRE : *Kandid aŭ La Optimismo.* Trad. E. Lanti. 13×19 cm., 162 paĝoj.
**37** D-ro Siegfried LIEBECK : *Juristisches Wörterbuch : Deutsch-Esperanto.* 12×17,5 cm., 86 paĝoj.
**38** LU-SIN : *La vera historio de Ah Q.* Trad. S. M. Ghur. 13×19 cm., 146 paĝoj. Romano ĉina, presita en Ĉinujo.
**39** Julio BAGHY : *Viktimoj.* 12×16,5 cm., 238 paĝoj. Originala romano de l'talenta verkisto.
**40** Profesoro Th. CART : *Vortoj.* Kunmetita de S. Grenkamp kaj R. de Lajarte. 13,5×18 cm., 140 paĝoj.
**41** D-ro Edmond PRIVAT : *Esprimo de Sentoj en Esperanto.* Resumo de kurso farita ĉe la Universitato de Ĝenevo, en la lingvosciencia fako de Beletristika Fakultato dum 1929 kaj 1930. Elegante presita libreto. 12×17 cm., 60 paĝoj. Luksa eldono.
**42** P. FIRU-S. PRAGANO : *Rumana bonhumoro en elektitaj rakontoj.* 12,5×18,5 cm., 62 paĝoj.
**43** Dreves UITTERDIJK : *Mirakloj aventuroj de S-ro Longkrurulo.* Rime verkita. Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj. 28 cm. larĝa, 17,5 alta, 76 paĝoj.
**44** *Verda Steleto. Internacia Infanaro.* Lernolibro por infanoj, kun koloraj bildoj, grandaj literoj. Kunmetis S-ino V. Seriŝeva, Barnaul, Siberio. 17×24 cm., 78 paĝoj.
**45** *Kolekto de 11 ŝlosiloj de Esperanto* (ICK-serio). Po unu el lingvoj : Albana, Estona, Germana, Hispana, Hungara, Itala, Latva, Nederlanda, Pola, Romanĉa, Slovaka.
**46** *Skanderbeg, albana nacia heroo.* Priskribo de lia vivo. Verkis Cuk Simoni, Skoder. (Mimeografita eldonajo.) 14×21 cm., 144 paĝoj.
**47** *The Gospel in many Tongues.* (La evangelio en multaj lingvoj.) Specimenoj de lingvoj kaj skriboj el 630 idiomoj de la tero, kun lingvolisto alfabeta. Citajo el S-ta Johano 3. 16. — 12×18 cm., 166 paĝoj. Lingvolisto laŭ angla nomo.
**48** *Gottes Wort in vielen Sprachen.* La sama kiel la antaŭa, alfabeta vico kaj lingvonomoj laŭ germana lingvo.
**49** D-ro Jan HERBEN : *Malriĉa knabo kiu gloriĝis.* (Biografio pri T. G. Masaryk, Unua Prezidanto de l' Ĉeĥoslovaka Respubliko.) 14×20 cm., 136 paĝoj. Eldono de Moraviaj Esp.-Pioniroj.
**50** Al. SVJENTOHOVSKI : *Aspazio.* Tragedio en kvin aktoj. El pola lingvo tradukis D-ro Leono Zamenhof. 15×21 cm., 160 paĝoj. (Kolekto de « La Revuo ».)

## SERIO B : PREMIARO DE SUBTENANTOJ

Ĉiu subtenanto rajtas elekto *unu* premion el n-roj 51-75. Krome *nova* Subtenanto, kiu antaŭe *ne* estis ano de UEA rajtas elekti unu plian premion el n-roj 35-50.
**51** E. DREZEN : *Historio de la Mondolingvo.* Tri jarcentoj da serĉado. El rusa lingvo tradukis Hohlov kaj Nekrasov. 17×26 cm., 240 paĝoj, kun multaj bildoj kaj grafikoj. La plej kompleta verko pri la temo de l'mondlingvo, en mallongaj ĉapitroj, tre taŭga por rapida serĉado por dokumentado.
E. DREZEN : *Analiza* historio de Esperanto-Movado. (Kvazaŭ kompletigo de la unua ĝenerala verko.) 14,5×22 cm., 96 paĝoj.
**52** Eugen WÜSTER : *Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana.* 16,5×24 cm., 140 paĝoj. Eldonajo de Firmo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig. Aperis ĝis nun kvar partoj.
Oni rajtas elekti unu parton, egale kiun, laŭdezire. Tiu ĉi verko restos por ĉiam premio de MS, tiel ke oni preskaŭ povas aboni sin al ĝi per la regula aliĝo de Subtenanto. La ordinara prezo de unu parto estas 17,50 Frk. sv. Eksterordinara premio.
**53** Premio de Literatura Mondo konsistante el du volumoj broŝuritaj de : *Pentroarto* en Malnova Hungarujo... kaj... De paĝo al paĝo.
**54** Erich Maria REMARQUE : *En Okcidento nenio nova.* Bindita eldono, 14×21 cm., 252 paĝoj.
**55** Premio de Literaturo Mondo : D-ro KALOCSAY : *Eterna Bukedo.*
**56** Premio de Literaturo Mondo, konsistanta el du verkoj : 1. SZILAGYI : *Trans la fabeloceano;* 2. ENGHOLM : *Homoj sur la tero.*
**57** Premio de Literatura Mondo : *Verkaro de Baghy.* Kvin libroj kun 900 paĝoj da teksto. (Broŝuritaj.) *Hura.* — *Viktimoj.* — *Dancu Marionetoj.* — *Pilgrimo.* — *Preter la vivo.*
**58** *Kataluna Antologio.* Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L. K. Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉiu biblioteko. Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22×16 cm. (Lukse bindita.)
**59** *Kataluna Antologio — Belga Antologio (Franca parto).* Ambaŭ libroj kune 680 paĝoj da teksto, broŝuritaj.
**60** *Kataluna Antologio — Bulgara Antologio — Litova Almanako.* 930 paĝoj da teksto.
**61** *Belga Antologio (Franca parto) — Bulgara Antologio* kaj *Litova Almanako.*
**62** *Plena Vortaro de Esperanto.* Verkita de Prof. E. Grosjean-Maupin, direktoro de la sekcio Komuna Vortaro ĉe la Esperantista Akademio. 518 paĝoj. 15×20 cm. (Premio elĉerpita).
**63** Giovanni PAPINI : *Historio de Kristo,* 575 paĝoj, 12×18 cm. Verko tradukita en 22 lingvojn.
**64** D-ro L. L. ZAMENHOF : *Originala verkaro.* Antaŭparolo — gazetartikoloj. — Traktajoj. — Paroladoj. — Leteroj. — Poemoj. — Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Dietterle. Eldonajo de firmo Hirt & Sohn, Leipzig. 604 paĝoj, 15×22,5 cm., luksa volumo, ornamo de ĉiu biblioteko, riĉa fonto de esploro.
**65** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig; 1 ekzemplero de : (Sume 8 libroj.)
RAIMUND : *La Malŝparulo;* DELSUDO : *Aŭstralio, lando kaj popolo;* NIEMOJEWSKY : *Legendoj;* IRWING : *El la Skizlibro;* SIENKIEWICZ : *Noveloj;* BERTRANA : *Barbaraj prozajoj;* SIMUNOVIĈI : *Ano de l'ringludo;* EEKHOUD : *Servokapabla.* —
**66** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig; 1 ekzemplero de :
LUYKEN : *Pro Iŝtar;* BENNEMANN : *Internacia Kantaro (Tekstaro);* PUŜKIN : *Tri noveloj;* ARIŜIMA : *Deklaracio;* E. A. POE : *Ses noveloj;* BALZAC : *La firmao de la kato kiu pilkludas;* DOROŜEVIĈ : *Orientaj fabeloj.* — Sume 7 libroj.
**67** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig; 1 ekzemplero de :
BENNEMANN : *Internacia Kantaro* (Tekstaro); RAIMUND : *La Malŝparulo;* Jean FORGE : *Saltego trans jarmiloj;* LUYKEN : *Pro Iŝtar;* EEKHOUD : *Servokapabla.* — Sume 5 libroj.
**68** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig; 1 ekzemplero de : (Sume 5 libroj.)
DIETTERLE : *Vendreda Klubo;* DELSUDO : *Aŭstralio, lando kaj popolo;* Jean FORGE : *Abismoj;* BENNEMANN : *Internacia Kantaro* (Tekstaro); WÜSTER : *Maŝinfaka vortaro.*
**69** *Biblioteko Tutmonda* : Du serioj de tiu-ĉi interesa kaj bele presita biblioteko, ĉiu serio en kartona ingo. — La titoloj estas :
MÉRIMÉE : *Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj.*
VAN EEDEN : *La malgranda Johanno.*
BAUDOUIN : *La Arto de Memdisciplino.*
KARINTHY : *Norda Vento* (novelkolekto).
KOROLENKO : *La Sonĝo de Makaro.*
BRATESCU-VOINESTI : *Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj.*
PENNDORF : *El grekaj papirusoj.*
*Aventuroj de Munchhausen.* PUŜKIN : *Kapitan-filino.*
KORĈAK : *Rakontoj Bonhumoraj.* COLLINSON : *La Homa Lingvo.*
17,5 cm. alta, 10 cm. larĝa, 11 libroj, bele presitaj, kune 1078 paĝoj da teksto.
**70** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, protretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ la diversaj sistemoj de lingvo internacia. 560 grand-formataj paĝoj. Por subtenantoj de UEA speciale bindita.
**71** Kolekto de verkoj de Raymond SCHWARTZ, konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento* (124 pĝ.) — *Prozo Ridetanta* (172 pĝ.) — *Anni kaj Montmartre* (126 pĝ.) — *La Stranga Butiko* (124 pĝ.) — 546 paĝoj de humorprovizo, taŭga kuracilo kontraŭ krizo.
**72** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago por *membro* t. e. numero 1 ĝis 20. Kune 2038 paĝoj da teksto.
**73** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago por *membro-abonanto,* t.e. numeroj 21 ĝis 34.
**74** Libera elekto de o.k (**8**) volumoj el premioj de frupago de membro-subtenanto, t.e. el numeroj 35 ĝis 50.
**75** Usona premio konsistanta el 8 libroj, redaktitaj de profesoro A. KENNGOTT, Austin, Texas.
1. *Ĉiutaga vivo* (55 pĝ.); 2. *Internacia dialogaro* (60 pĝ.); 3. *Internacia Legolibro* (123 pĝ.); 4. *Internacia Frazaro* (51 pĝ.); 5. *Internacia Teatraĵetero* (47 pĝ.); 6. *Kenngott's Esperanto Course* (177 pĝ.); 7. *Esperanto a lecture by A. Kenngott, M. A.* (38 pĝ.); 8. *Kenngott's Pocket Dictionary* (80 pĝ.). — Sume 630 paĝoj da teksto, bela preso kaj fortika papero, eleganta aspekto. Formato 11,5×17,5 cm.

*Helpu al UEA kaj aliĝu kiel Subtenanto!*

# Bibliografia Servo de UEA

## Donacoj

S-ro Talivaldo Indra en Riga verkis vortaron latvo-esperantan. Pro neebleco presigi li plimultigis ĝin, sed tiom bele, ke la libro formas ornamajon en esp. biblioteko (Reg. n-ro 1932-139). Belegan ekzempleron, binditan laŭ latva motivo nacia, S-ro Indra donacis al la biblioteko de UEA por kio ni esprimas koran dankon.

Nia kolekto de aliaj sistemoj de internaciaj lingvoj kaj ĝeneralaj verkoj pri la problemo de mondlingvo riĉiĝis per manskribita, originale bindita verko: (Donaco de G. Agricola, Genève.)

Karl Heyse (lingvisto), *Berlin* :

*Vorlesungen über die philosophische Grammatik und über die Geschichte der Grammatik* (Wintersemester 1837-1838, Berlin).

*Sabir*, langue universelle, projet de Grammaire et Vocabulaire de la langue auxiliaire internationale, titoliĝas 137 paĝa libro, verkita de Pierre Moralda, presita en Gap 1932. Per *Sabir*, franco nomas tion, kion alilingvanoj nomas *Lingua Franca* t. e. la lingvaĵo uzata en la Levanto kaj Norda Afriko, speco de internacia lingvo. La aŭtoro konstruis sur tiu ĉi lingvaĵo *parolata*, sistemon de nova helplingvo.

## Novaj libroj 1933

G. P. de Bruin. — *Gvidilo tra la Esperanto-movado.* — Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. Presis Drukkerij Dico, Amsterdam. 48 paĝoj. 12,5×18,5 cm. Prezo Fr. fr. 4.— (1933-19).

Paul Neergaard. — *Fremdvortoj en Esperanto.* — Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. Presis Nordlunde, Kopenhago. 64 paĝoj. 12×17 cm. Prezo Fr. fr. 4.80 (1933-20).

# Oni dankas

*** S-ano Rajmund Cech, Del. de UEA en Wien elkore dankas al S-ano Ant. Kudela Del. de UEA en Olomouc-Ĉ.S.R. kaj al la ceteraj ges-anoj por la afabla kaj amika akcepto en ilia rondo.

*** Samideano M. en B. skribas : S-ino Blicher en Kopenhago, D. de UEA, tiel fervore klopodis pri alvenintaj personoj, plifaciligis la alvenon, loĝadon kaj aranĝon, ke pro tio ĉio tuta cirklo konvinkiĝis pri la utilo de Esperanto kaj decidis lerni ĝin.

*** Grandan dankon mi ŝuldas al samideanoj Angela Stefanin kaj Petro Franceschi, ambaŭ en Venecio por grava helpo en severa afero.

Jen la ĉefaj faktoj : Pasintjare mi vojaĝis Venecio'n. En tramvojo ĉe Lido atakis min ŝtelisto kaj forprenis jam nian poŝleterujon kun la pasporto k.t.p. Feliĉe mi sukcesis reakiri mian posedaĵon kaj eĉ arestigi la krimulon, kiu jam estis dekdufoje antaŭpunita. Okazis traktado pri la okazintaĵo antaŭ la juĝistaro tre afable kaj tre lerte agis por mi kiel tradukisto kaj per Esperanto mi povis tre klare priskribi la tutan aferon. Do mi ŝuldas egan dankon al S-ro Franceschi, same kiel al S-ro Stefanin, kiu instigis la helpon per S-ro Franceschi.

Karl Linus Leitl, Mühldorf, Germ.

*** S-ro Arthur Sohrmann, D. de UEA en Weinböhla apud Dresden Germanujo kore dankas al S-ro August Wiesbauer en Bolzano, S-ro Giovanni Tanzi en Milano, S-ro Ermanno Filippi en Roma, S-ro Agostino Stellaccio en Napoli kaj al S-ro Giovanni Bonini en Venezia, por afabla helpo dum vojaĝo tra Italujo.

*** Reverendo W. H. Harris, Kolegio de Sankta Davido, Llanbedr, Kimrujo, kore dankas al S-ro José Baéz, kaj al S-ro F. Suárez-Falcón, la Delegito kaj la Eks-Delegito de UEA en Las Palmas, por tre afabla helpo kaj komplezo dum sia restado en tiu urbo.

*** S-ro Rud. Mich. Frey, Kalkulkonsilisto kaj D. de UEA kore dankas al S-ro Holger Hansen, D. en Holbaek por valoraj raportoj.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj* : L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Chrást N° 19* (poŝto Umonín u Kutné Ĉehoslov.). — S-ro B. P. Snížek kun farmistoj en Britujo, Francujo angle, franc, esp. Gaz.

*České Budějovice* (Ĉehoslovakujo). — S-ro Ing. Jaroslav Holát, Jeronymova No 13./1. — PI, PM — ĉiam respondas.

*Elsternwick* (Aŭstralio). — S-ro Edward Pate, 12 Downshire Rd. P.I., L. k.ĉ.l.

*Fuenterrobles* (Hispan., Valencia). — S-ro Julian Lopez PI, k.ĉ.l., C.r.

*Hradec Králové* (Ĉehoslovakujo). — S-ro prof. František Smeták serĉas por siaj studentoj interesantojn en la tuta mondo, kiuj volus interŝanĝi PI kaj PM Respondo garantiata.

*Hradec Králové* (ĈSR). — S-ro Josef Vesely, instruisto Masarykova obecná škola dívčí L, PI precipe kun geinstruistoj pri instruado.

*Košice* (Ĉehoslov.). — S-ro Antal Mikita, dentisto, Hlavná ulica 85 ĉe S-ro Rákosi sendas 50-100 diversajn PM ĉehoslovakajn por la sama nombro / ankaŭ diversaj/. Sendu la unua.

*Moravská Nová Ves N° 665* (Ĉehoslov.). — S-ro František Kruták, fervoja oficisto, Delegito de UEA L, PI, bfl, Foto-aĵoj, G, kĉl prefere ekstereŭropaj. Ĉiama kaj tuja respondo garantiata.

*Podobora-Chotĕbuz* (Silezio, Ĉehoslovakio). — S-ro A. Bartoš, komercisto. Del UEA, serioze koresp. L., PM. kun Suda kaj Meza Ameriko, escepte Argentino. Ĉiam respondos.

*Potters Bar* (Anglujo). — S-ro Howard W. Smith, 11, Hill Crest, serĉas senpoŝtmarkajn kovertojn poŝtstampitajn antaŭ 1845, el ĉiuj landoj.

*Pribyslavu u Némec/ého Brodu* (Ĉehoslovakujo). — S-ro J. *Vencálek*, Delegito de UEA serĉas korespondantojn por siaj kursanoj metia kaj komercista gejunularo/ PI, PM, kĉl.

*Radom* (Polujo). — S-ro Jósef Duljas, Sienkiewicza 5, kun Japanujo, USA, Francl. Svisl. kaj Italujo. Rapide kaj certe respondos.

*Sadská* (Ĉehoslovakujo). — S-ro Jan Forst, faka instruisto Mĕštanská škola chlapecká PI, L, PM kĉl.

*San Antonio de Vilamajor* (Barcelona, Hispanujo). — F-ino Maria Genis, kun ĉiuj landoj ; ĉiam respondas.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro William Robert Wood, ano 21014 kaj eksdelegito de UEA en London, prezidinto de la grupo en Torquay, konsilanto de BEA, verkinto de artikoloj en International Language (22.III. 1933).

S-ro Maurice Prévost, ano 7848 en Talence, Gironde, Francujo. (Laŭ reveno de n-ro 3, Marto 1933).

S-ino Mary Theodore, anino 22107 en Llanfair Caereinion, Kimrujo. (Laŭ B.E. Majo 1933, pĝ. 92).

S-ro Lopéz, patro de S-ro Giordano Bruno Lopez, VD en Buenos-Aires, Argentino, 16.3.33.

S-ro Joachim Kalmus, eks-vicdelegito de UEA en Philadelphia eksprezidanto de l'esp. societo. 6.II.1933.

*Sinceran kunsenton!*

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE.-314-5-33.